# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* — *№ 3 (64) junio 2011*






**Moskvo, 2011**

# enhavo






*Kion atendas la gejunuloj? Legu pri la seminario dum "EsPriimo-7" en la p. 17*


# REGo
## (Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 3 (64) junio 2011**

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Garik Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2011:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 450 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*
***elektronika abono*** *– 200 rub. (5 eŭroj)*

## STATISTIKO DE "ESPRIMO-7" EN TOBOLJSK

*La tradicia printempa regiona renkontiĝo de uralaj kaj siberiaj esperantistoj "EsPrimo-7" okazis ĉi-foje la 7-an – 9-an de majo en siberia urbo Tobolsk. Onidire la cifero 7 estas bonŝancporta. Nun ni povas konfirmi tion, ĉar la renkontiĝo vere estis sukcesa, memorinda kaj ni pri multo bonŝancis dum ĝia preparo kaj okazigo. Sube vi povas legi multajn materialojn, kiuj iel prilumas la eventon.*



*la plej juna partopreninto kun la patrino Tatjana*

**Entute la renkontiĝon partoprenis 53 personoj el 16 urboj:** Jekaterinburg – 14; Tjumenj – 14; Dimitrovgrad – 4; Ĉeljabinsk – 3; Miass – 3; Novosibirsk – 3; Samara – 2; Zavodoukovsk – 2; Irkutsk, Jalta, Niĵnij Tagil, Novoandrejevka, Permj, Surgut, Toboljsk, Uljanovsk – po 1. Inter la partoprenintoj estis: ***virinoj*** – 32, ***viroj*** – 21.

**La plej aĝa partopreninto** estis ***Nikolaj Petroviĉ Popov*** el Jekaterinburg, li aĝas 77 jarojn, la plej juna partopreninto: ***Artjom Veselov*** el Tjumenj, 10-monata. ***Junularon ĝis 30 jaroj*** konsistigis 22 personoj, inter ili: lernejanoj – 3, infanoj (ĝis 7 jaroj) – 3.

**La plej grandan E-staĝon** havas ***Vladimir Terjoĥin*** el Jekaterinburg (48 jarojn). Laŭ sia E-staĝo la partoprenintoj disdividiĝis jene: ankoraŭ ne parolanta – 1 (la 10-monata Artjom Veselov); E-staĝo malpli ol 1 jaro – 10 personoj; de 1 ĝis 5 jaroj – 10; de 5 ĝis 10 jaroj – 5; de 10 ĝis 20 jaroj – 7; de 20 ĝis 30 jaroj – 8; de 30 ĝis 40 jaroj – 11; pli ol 40 jaroj – 1 persono.

## "ESPRIMO-7" EL LA VIDPUNKTO DE ĜIAJ ORGANIZANTOJ

La vica printempa jarkunveno de uralaj kaj siberiaj esperantistoj retrovis por la tria fojo en sia historio agadplacon en la malnova siberia gastama urbo Toboljsk. Dilara Gadirova – la respondeca gastigantino de kelkdekoj da esperantistoj el pluraj urboj de nia vasta regiono – faris ĉion eblan por disponigi moderajn sed tolereblajn kondiĉojn al la alvenintoj. Ni estis tre bonŝancaj, ke dank' al ŝiaj klopodoj ni ĉiuj (kvankam iuj malfruaj aliĝintoj dormis senpretende nur sur faldlitoj) loĝis dum tri festaj tagoj en gastejo de la stacio de junaj turistoj, sen ĝena interveno de neesperantista publiko, kaj povis por niaj programeroj preskaŭ tagnokte uzi ejojn kaj kunvensalonon de la turistejo.

EsPrimo-7 kunlogis 53 personojn el 16 urboj de Siberio, Uralo kaj Volgio. Inter la partoprenintoj plimultis esperantistoj kun bona lingva sperto (73%), memkompreneble ĉiuj programeroj de la aranĝo okazis senescepte en Esperanto. Sed la renkontiĝon partoprenis ankaŭ novaj lingvouzantoj el Tjumenj, Jekaterinburg, Dimitrovgrad, kiuj ĉeestis kunvenojn kaj provis kontribui al la programo per sia laŭpova subteno kaj partopreno. Nin aparte ĝojigis lojaleco de la esperantistoj al la

ĉefa temo de la renkontiĝo kaj aliaj prezentitaj projektoj. Estis tre agrable vidi ankaŭ spontanan aktiviĝon de iuj gastoj dezirintaj sen antaŭa anoncproceduro subite prezenti proprajn projektojn kaj publikajn raportojn.

La programo, kiun ni prepare dorlotis dum kvar vintraj kaj printempaj monatoj, estis varia kaj abunde reflektis originalajn facetojn de kultura, historia, movada en-havoj. Tamen ni devis akcepti ankaŭ kritikon, ke maltro da atento estis dediĉita al komencantoj. Nia atento ĉi-foje koncentriĝis al okazigo de la problema seminario "Generacioj en la urala esperantista movado" kaj prezento de la projekto "Portreta galerio de uralaj kaj siberiaj esperantistoj". Ambaŭ eroj fariĝis aktualaj integraj partoj de la granda laboro celanta reaktivigon de intergeneraciaj kontaktoj de es-perantistoj, kaj nin ĝojigis multaj pozitivaj reeĥoj kaj pritaksoj de la iniciatitaj la-bordirektoj plu daŭrigendaj sur privata kaj kluba niveloj.

Konforme al la nomo de la renkontiĝo ("EsPrimo") la organizantoj ankaŭ ebligis al ĉiu deziranto esprimi sin kaj enprogramigis serion de prezentadoj de la originalaj projektoj, ligitaj al Esperanto kaj al historio, kulturo, literaturo, faritaj en la internacia lingvo. Inter tiuj "memesprimoj" grandan intereson ĉe la partoprenintoj vekis la projekto "Verda filmejo" de Aleksandr Osincev, kulturkleriga projekto "Simboloj de Rusio" de Vladimir Opletajev kaj prezentado de la videofilmo "Velga" laŭ la poemo de V.Devjatnin, kiun faris gastino el Dimitrovgrad Tatjana Iljutkina kune kun Margarita Karceva el Uljanovsk. Aparte menciindas prezentita kolektiva laboro de la tjumenanoj Irina Aleksandrova, Nikolaj Sokolovskij, Aleksandr Kalaŝnikov pri la fota historio de Tjumena E-klubo "Revo".



*la organiza teamo*

Kutime abundis en la programo ankaŭ distraj kaj amuzaj eroj. Dum jam tradiciaj por la renkontiĝo Amika kaj Gaja Vesperoj senĝene montris siajn kapablojn, deklamis, kantis, dancis kaj ŝercis multaj partoprenintoj. Al vesperaj distradoj kontribuis ankaŭ malgrandaj infanoj, kiuj gaje kaj petole partoprenis la renkontiĝon kaj kun la helpo de plenkreskuloj preparis siajn kortuŝajn koncertajn intervenojn. Sendube, sukcesa estis ankaŭ la turisma programo de la renkontiĝo, kies laŭhora en-havo estis tamen reduktita favore al lingvaj kaj kulturklerigaj tagordaĵoj. Toboljsk digne majestis per sia pli ol ducentjara Kremlo kaj ravis nin ĉiujn per la neripeteble provinca, kvankam ne tre riĉa, sed samtempe fiera historia bildo sugestanta bal-

daŭe profitdonan kaj sukcesan surmerkatigon de multaj turistaj logaĵoj.

Fine, ni povas opinii la renkontiĝon "EsPrimo-7" sukcesa kaj konsideri ĝin grava evento en la vivo de siberiaj kaj uralaj esperantistoj, sed nur la partoprenintoj de la toboljska jarkunveno povas oponi nin aŭ aprezi nian laboron. Ni kore dankas al ĉiuj gesamideanoj, kiuj trovis monon, bezonatan tempon kaj grandan deziron pasigi la tri festajn tagojn en la amika ural-siberia esperantista medio.

***en la nomo de la Organiza teamo de "EsPrimo-7" –***
***Vladimir Opletajev (Surgut)***
***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***
***Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg)***

## IMPRESOJ DE LA DIVERSURBAJ PARTOPRENINTOJ

**Firdaus Kasimov** (Permj)

Mi ne ofte sukcesas viziti uralajn E-renkontiĝojn. Antaŭ 3 jaroj mi partoprenis en "EsPrimo-5" en Jekaterinburg, kaj post ĝi mi denove "mergiĝis" en la marĉon de mia kutima ĉiutageco, forgesinte, ke iam mi estis unu el la plej aktivaj esperantistoj de Perma regiono (kaj pro tiu merito oni eĉ delegitigis min al IJK en Krakov en 1987). Ho, juneco, juneco! Jam ŝajnis, ke ĉio pasis...

Des pli agrable por mi estis, ke oni min ankoraŭ ne forgesis, kaj miaj amikoj Raja kaj Viktor, estante inter la organizantoj de la renkontiĝo, persone invitis min al la vica "EsPrimo", kiu okazis en bela siberia urbo Toboljsk. Mi nelonge pensis kaj malgraŭ ĉiuj obstakloj decidis nepre partopreni ĝin.

Eksciinte pri la ĉefa temo de ĉi "EsPrimo", mi eĉ pensis, ke jam venis al mi tempo transiri en la generacion ne nur de spertaj, sed ankaŭ de aĝaj esperantistoj, kvankam dum E-renkontiĝoj oni kutime forgesas pri siaj pasportaj aĝoj kaj sentas sin denove junaj, fortaj, energiaj, senzorgaj kaj distremaj. Tiu komuna sinsento nomiĝas "etoso" kaj estas aparte alloga por ĉiu esperantisto!

Do, mi venis al Toboljsk kaj atingis la renkontiĝejon "Stacio de junaj turistoj" iomete malfruinte, sed tuj trafis en la kutiman amikan kaj bonkoran medion, en kiu trovis dudekon da konataj vizaĝoj. Sed surprizis min, ke alia trideko estis vizaĝoj nekonataj, tute por mi novaj.

Ŝajnis, ke la kunveninta partoprenantaro plene konformiĝis al la temo




*la partoprenantoj el la tjumena regiono*

de “EsPrimo-7” – “Generacioj de esperantistoj en Uralo”: mi vidis kaj junajn, freŝbakitajn komencantojn, kiujn mi tute ne konis, kaj tiajn spertajn esperantistojn, kiel V.Opletajev, A.Kalaŝnikov, D.Gadirova, T.Vŝivceva, N.Ŝeveljova, I.Kirina, G.Terentjeva k.a., kaj sufiĉe multnombran grupon da mezaĝaj kaj meznivelaj samideanoj. Sed ĉiuj vizaĝoj estis agrablaj por mi, kaj mi agordis mian humoron al agrabla partopreno en la renkontiĝo kaj bona ripozo en amika rondo.

La organizantoj vere serioze kaj zorge preparis la aranĝon – ĝia programo rezultiĝis tre enhavriĉa, varia, interesa. Mi plezure partoprenis ĉiujn programerojn kaj eĉ mem eksentis entuziasmon prelegi pri historia temo (oni apenaŭ trovis tempon en la dense kompilita programo por mia neplanita elpaŝo).

Aparte mi volas mencii la seminarion laŭ la ĉefa temo pri E-generacioj, bone pripensitan kaj lerte gvidatan de Vladimir Opletajev kaj Raja Kudrjavceva. Sentiĝis, ke estis farita granda prepara laboro. Dum la seminario oni proponis al ni ĉiuj kunlabori en grupoj. Mi kun jam preskaŭ forgesita fervoro partoprenis en la “cerba atako” laŭ la temo de nia grupo: “Heredendaj generaciaj valoroj” kaj eĉ prezentis al la estimata publiko rezultojn de la “cerba atako”. La aliaj grupoj ankaŭ trovis interesajn resumojn laŭ siaj taskoj. Ni ĉiuj estis kaptitaj de interesa kunlaboro, kaj mi persone ricevis veran plezuron pro mia aktiva partopreno en la seminario.



*ĵurio dum la konkursoj*

Kompreneble mi ne povis ne rimarki la rezultojn de la projekto “Portreta galerio”, iniciatita de V.Opletajev, des pli ke de la muroj min rigardis multaj konataj vizaĝoj kun priskriboj de iliaj faroj kaj Esperanto-vojoj. Kaj kortuŝis min rakonto kaj rememoroj pri Vladimir Izosimov. Estas bone, ke oni memoras homojn, kiuj multon faris por nia verda afero.

Mi atente aŭskultis prezentadojn de aŭtoraj projektoj. Certe ekinteresis min la nova en Esperanto-mondo direkto: kinofilmoj en la internacia lingvo, la projektoj de “Verda filmejo” kaj de Internacia Esperanto-kinofestivalo, kiujn prezentis A.Osincev. Aparte min kiel historiiston atentigis la projekto de V.Opletajev “Simboloj de Rusio”. Estis ankaŭ tre interesaj kaj partoprenindaj du lingvaj konkursoj en la lasta tago: konkurso de interpretistoj kaj oratora konkurso; en la lasta mi mem volonte partoprenis kaj eĉ ricevis premion!

Plezure mi spektis distrajn programerojn de Amika kaj Gaja Vesperoj, surprizis min elpaŝoj ne nur de novicoj, kiel Jana Husanova (filino de bone konata al mi es-



perantistino de nia generacio Rita Husanova!), sed ankaŭ de la malgrandaj infanoj – reprezentantoj de la plej juna nia generacio. Kaj la fakto, ke Tatjana Veselova kuraĝis veni el Tjumenj kun la 10-monata filo, ege impresis min, ĉar kiel patro de multaj infanoj mi scias, ke necesas esti tre kuraĝa por decidiĝi pri tio. Do, miajn gratulojn kaj bondezirojn en kreskigo de la novgeneraciuloj al la familio de Veselov!

Do, fine mi volas diri, ke plaĉis al mi ĉio: kaj la bona, suna, maja vetero; kaj la belega urbo Toboljsk; kaj la gastamo de loka mastrino de "EsPrimo-7" Dilara Gadirova kaj organizita de ŝi interesa ekskursprogramo; kaj la atentokapta E-programo de la renkontiĝo! Mi bonege ripozis kaj plezure pasigis la tempon dum "EsPrimo-7"! Dankon al la organizantoj, dankon al miaj amikoj, kiuj ne forgesis gratuli min okaze de mia pasinta jubileo, dankon al ĉiuj partoprenantoj pro kune pasigita tempo! Vivu Esperanto!

* * *

**Vladimir Viĉegĵanin** (Niĵnij Tagil)

La renkontiĝo al mi plaĉis. Unue, mi renkontiĝis kun miaj malnovaj amikoj, kiujn mi delonge ne vidis. Due, mi povis ekvidi Toboljskon, kie mi antaŭe ne estis. Trie, sukcesis la renkontiĝo mem, kies programo estis interesa kaj riĉa.

Dank' al la organizantoj, inkluzive nian gastigantinon Dilara Gadirova, ĉio iris glate. Bonega, varma, suna vetero kontribuis al bona humoro. Toboljsk, iama ĉefurbo de Siberio, estas malgranda (100000 loĝantoj), sed bela, pura, komforta por loĝado urbo.

Estis interesaj ekskursoj: al bela Kremlo kun ĝiaj preĝejoj, al seminariejo, al

ikona pentrejo, al eburtajla metiejo, al laborĉambro de eksa caro Nikolao la 2-a ktp...

Estis interesaj lekcioj. Mi menciu nur kelkajn: pri loĝanto de Toboljsk Petro Jerŝov kaj lia kreo de la fama verko – fare de Viktor Kudrjavcev, pri simboloj de Rusio kaj pri E-centroj en la mondo – fare de Vladimir Opletajev kaj Raja Kudrjavceva, pri E-projektoj en Interreto – fare de Aleksandr Osincev, pri milito por potenco en Moskva Rusio de la 15-a jarcento – fare de Firdaus Kasimov.

Al mi ankaŭ plaĉis du interesaj konkursoj lasttage: interpretado de amuza infana rakonto de Nikolao Nosov "Tri ĉasistoj" kaj prezentado de nia planedo al aliplanedano (dum la oratora konkurso), en kiuj gajnis la unuajn lokojn Viktor Kudrjavcev kaj Tatjana Vŝivceva.

Kaj ĉiuvespere partoprenintoj montris siajn talentojn: kantis, deklamis, dancis. Ekzemple, ĉiujn ĉarmis Nastja Golovkina per sia ventrodanco. Kaj preskaŭ ĝis mateno ĉiuj spektis E-filmojn, komunikiĝis, ŝercis kaj simple babilis. Mi ne bedaŭras pri mia veno al "EsPrimo-7". Tiu renkontiĝo restos por ĉiam en mia memoro!

* * *

**Anastasija Golovkina** (Tjumenj)

La 7-an – 9-an de majo 2011 en malnova siberia urbo Toboljsk okazis jam la sepan fojon nia regiona renkontiĝo "Esperantista Primavero", kiun ĉi-foje partoprenis 53 personoj. Al mi tre plaĉis ĝia amika kaj gaja etoso. Mi sentis min tre animkomforte en unu granda familio. Okazis multaj interesaj programeroj: klerigaj prelegoj, aŭtoraj duonhoroj, atentokaptaj konkursoj: por intrepretistoj kaj por oratoroj. Dum la Gaja Vespero tre amuza estis ĉio: ludo de Darja Zelenina, skeĉo de Viktoro kaj Raja, danco de Aleksandr Kalaŝnikov kaj ne nur, prezentaĵoj de infanoj ktp. Krom la Esperanta programo okazis ankaŭ interesa ekskursa programo, ni vizitis Toboljskan Kremlon, la plej orientan en Rusio, ikonopentrejon, seminarejon.



Ekde mia lasta vizito en la urbo okazis kelkaj ŝanĝoj. Nun Toboljsk estas pli pura kaj bela. Sed dum tiu ĉi renkontiĝo min ne tre interesis historio de la urbo, plej ĉefe mi ĝojis, ke denove renkontiĝis kun miaj malnovaj amikoj. Mi dankas la tutan organizan teamon de la renkontiĝo pro la granda laboro, farita por ke "EsPrimo-7" sukcesu! Bravuloj! Ĝis la sekva renkontiĝo!

## IMPRESOJ DE LA KOMENCANTOJ

**Jana Husanova** (Jekaterinburg)

Mia unua Esperanto-renkontiĝo estis "EsPrimo-7" en Toboljsk. Komprenado foje estis malfacila por mi, sed partopreno en "EsPrimo" estis tre utila. Mi ĝojis paroli kun multaj esperantistoj, mi lernis novajn vortojn kaj bone pasigis la tempon. Mi ŝatis partopreni en Amika Vespero kaj prezenti la poemon en prozo "Ĉu vi scias pri valoro de rideto?". Al mi plaĉis ankaŭ multaj aliaj programeroj, kiujn prezentis aliaj partoprenintoj: orienta danco de Nastja, deklamado de A.Kalaŝnikov, elpaŝo de Filip Vŝivcev kun sia patrino, bela danco "Salca" en plenumo de esperantistino el Dimitrovgrad. Mi ŝatis la kanton "Printempo". Mi ĝojis partopreni ankaŭ en Gaja vespero – en spektakleto kun infanoj. Tie mi kantis gajan kanton, kiu ridetigis min, kvankam mi ĉiam ridetas kaj ne laciĝos konsili tion al aliaj. Al mi plaĉis ekskursoj tra Toboljsk. Toboljsk estas tre bela kaj vizitinda urbo. Ĝiaj belegaj pejzaĝoj restos por longe en mia memoro!



* * *

**Jelena Jermakova** (Jekaterinburg)

Mi antaŭnelonge eksciis pri Esperanto kaj komencis lerni la lingvon. Printempa regiona renkontiĝo de esperantistoj estis por mi la unua E-renkontiĝo, kaj mi esperas, ke ĝi estos ne la lasta en mia vivo. Estis malfacile por mi kompreni multon dum la prelegoj kaj dum la paroloj de spertaj esperantistoj. Sed al mi plaĉis provi komunikiĝi kun esperantistoj el diversaj urboj de nia lando, dum la konversacioj mi aŭdis multajn novajn por mi vortojn kaj frazojn kaj provis memorfiksi ilin. Mi opinias, ke tiaj renkontiĝoj helpas rapide venki lingvajn barojn kaj rimarkinde evolui kaj progresi en la lingvo. Al mi ankaŭ plaĉis Toboljsk mem, estis interesaj ekskursoj tra la urbo, precipe mi rememoras nun ekskurson laŭ Kremlo, viziton de la kabineto de eksa caro Nikolao la 2-a en la urba muzeo kaj viziton al la fabriko, kie oni prilaboras ostojn de mamutoj, bovoj kaj aliaj animaloj.

* * *

**Jekaterina Zamislova** (Jekaterinburg)

La unuan fojon mi partoprenis printempan regionan E-renkontiĝon "EsPrimo" en malnova historia urbo Toboljsk. Multo min impresis! Al mi tre plaĉis la urbo Toboljsk, trankvila, kvieta; maloftas aŭtoj, malmultas homoj surstrate. Ĝi estas tre pura urbo; abundas en ĝi diversaj katedraloj kaj malnovaj preĝejoj. Nia

renkontiĝo “Esperantista Primavero – 7” okazis en la ejo de stacio de junaj turistoj, kiu situas tuj apud la granda monto, kaj sur la monto altiĝis preĝejoj de Toboljska Kremlo. Proksime al nia renkontiĝejo estis tre malnova, preskaŭ antikva katedralo kun multloke deŝutiĝinta stukaĵo sur la muroj kaj kun bele ornamita fera barilo ĉirkaŭe. Kaj la tuta “malsupra urbo” apud la monto konsistis el novkonstruitaj en eŭropeca stilo ĉarmaj dometoj.

Sed, kompreneble, dum “EsPrimo-7” pensi pri soleco ne eblis. Kaj eĉ tempo por tio mankis. Ja dum ĉiuj tri tagoj de la renkontiĝo estis tre densa kaj enhavriĉa programo. Mi honeste konfesas, ke partoprenis ne ĉiujn programerojn, ĉar pro mia ne tre forta lingvoscio, mi ne ĉiam sukcesis digesti rapidan kaj komplikan parolon de spertaj esperantistoj, tial mi rapide laciĝis aŭskulti. Sed la ĝeneralan sencon mi tamen ĉiam komprenis. Mi volonte rigardis la “portretojn” de la “Portreta galerio”, kiuj pendis sur muroj kaj legis pri multaj uralaj esperantistoj. Same interese estis por mi aŭskulti rakonton de A.Osincev pri lia E-projekto “Verda filmejo” kaj poste, jam nokte, mi vidis la filmon kun E-subtekstoj kaj sinkronigitan fragmenton el la konata filmo “Mefisto”.



Min impresis solena malfermo de la renkontiĝo kaj okazinta post ĝi Amika Vespero, kiu finiĝis per komuna ĉetabla festo kaj gajaj komunaj kantoj. Tre ĝojigis min, ke dum distraj vesperaj programeroj mi fakte preskaŭ plene komprenis diversajn teatraĵetojn kaj skeĉojn. Al mi plaĉis aktorado de Raja kaj Viktor Kudrjavcev, de Saŝa Osincev kaj Arina Osipova, bela danco de Nastja Golovkina, prezentado de gastoj el Dimitrovgrad, kuraĝa elpaŝo de komencantino Jana Husanova, kortuŝaj elpaŝoj de malgrandaj infanoj. Agrablis vidi, ke inter esperantistoj multas kapablaj kaj talentaj homoj. La malfruvesperoj nerimarkeble iĝis noktoj, kiam ni longe ludis diversajn interesajn ludojn: “kontakto”, “ĉapelo” k.a. kaj nian ludadon akompanis eĥo de Esperanto-kantoj kaj gaja rido el najbara ĉambro. Ŝajnas, ĉiuj malmulte dormis, eble nur po kelkaj horoj.

Estis tre amika kaj ankoraŭ ia romantika etoso; ni, gejunuloj, loĝis 12-ope en la sama ĉambro, kie estis duetaĝaj litoj. Ĉar ankoraŭ oni ne ĉesis hejti, en la ĉambro estis iom sufoke, sed ĉiam gaje. Esperantistoj estas aparte atentemaj, bonkoraj kaj grandparte interesaj personoj (tamen ne sen propraj “muŝoj” en la kapoj).

Dum la vojo per trajno kaj dum la partopreno en “EsPrimo-7” ni, komencantoj,

tre amikiĝis kun nia jekaterinburga E-klubo. Ni sukcesis pli proksime interkonatiĝi kaj kompreni, ke Esperanto vere helpas amikigi homojn. Reveninte hejmen ni decidis daŭrigi nian lingvolernadon en konversaciaj rondoj kaj renkontiĝi ĉiusemajne. Fine mi volas diri, ke "EsPrimo-7" en Toboljsk estis bonega kaj lasis ĉe mi tre varmajn kaj agrablajn impresojn. Dankon al la organizantoj kaj ĉiuj partoprenantoj!




***(esperantigita kun helpo de V.Kudrjavcev)***

* * *

**Aleksandra Osipova** (Jekaterinburg)

Mi estas ege kontenta, ke mi havis tiun bonegan ŝancon partopreni "EsPrimon-7" en Toboljsk. Tio estis mia unua E-renkontiĝo, kaj mi tute ne imagis kio atendos min tie. Certe dum la aranĝo mi multon ne komprenis, sed tutegale mi strebis viziti ĉiujn programerojn por almenaŭ alkutimiĝi al la lingvo. Eĉ por mi, kiu estas dume komencantino, estis ege interese, ĉar la tuta programo enhavis ne nur seriozajn prelegojn, sed ankaŭ gajajn kaj amuzajn vesperajn koncertojn. Estis agrable ke spertaj esperantistoj ĉiam pretis helpi al novuloj kaj neniu ignoris nin. Mi opinias ke ĉiuj komencantoj tuj eksentis sin kvazaŭ en granda familia rondo. Almenaŭ tiel okazis al mi. Min ege impresis V.Opletajev pro sia perfekta posedo de Esperanto, A.Kalaŝnikov pro siaj talentoj de artisto kaj N.Neĉajev pro sia neordinareco. Mi ĝojas ke mi konatiĝis kun tiuj ĉi personoj! Multaj opinias, ke Esperanto estas lingvo por amikigi homojn, parolantajn en diversaj lingvoj. Sed dank' al tiu renkontiĝo mi komprenis, ke Esperanto ankaŭ kapablas kunigi homojn, kiuj havas la saman gepatran lingvon.

* * *

**Jevgenij Vedernikov** (Ĉeljabinsk)

Mi jam vizitis antaŭe kelkajn E-renkontiĝojn, sed ne "EsPrimon", kaj laŭ nivelo de la lingvoposedo mi ĝis nun sentas min komencanto. Tiu ĉi renkontiĝo restis en mia memoro dank' al multaj klerigaj programeroj, prelegoj, konkursoj, sed foje mi lacis pro ilia kvanto kaj pro rapide fluanta E-parolo, kiun mi ne ĉiam sukcesis kompreni. Tial mi dezirus, ke dum E-renkontiĝoj estu pli da distraj, muzikaj programeroj, koncertoj, kantado akompane de gitaro, diskotekoj. Krome mi ŝatus, ke oni laŭeble organizu specialajn programerojn por komencantoj, eble lingvajn lu-

dojn aŭ lecionojn en luda formo. Al mi tre plaĉis ekskursoj tra Toboljsk. Toboljsk estas bela kaj riĉa je vidindaĵoj urbo. Impresis ankaŭ amika etoso inter esperantistoj kaj tio, ke ili estas malfermitaj por komunikiĝo kaj ĉiujn ilin unuigas la komuna ideo. Dum tiu ĉi renkontiĝo mi ricevis multe da pozitivaj emocioj por la tuta jaro, ĝis la sekva "EsPrimo". Grandan dankon al la organizantoj de la renkontiĝo pro la interesaj prezentoj, konkursoj, prelegoj, festoj kaj pro la tre bone kaj utile pasigita tempo! Mi senpacience atendos la sekvan "EsPrimon" por denove renkontiĝi kun la geamikoj kaj eksenti min en agrabla etoso!

---

## *Nikolao Neĉajev (Irkutsk)*

**"EsPrimo-7"**

Pro klopodoj de Dilara
En la rondo amikara
Ni feliĉas ĉe Tobolo,
Ĉe juniga, ĝoja bolo.
Al Dilara ĉiu donas
Iun helpon. Nur friponas
Nikolao. Li preferas
Vivi ĝue. Li aperas
El dormĉambro pro troruzo
Por bonmanĝo kaj amuzo.

**"EsPrimoj"**

"EsPrimo" sepis.
La koro pepis
Pro vivo gaja,
Vetero maja,
Toboljska belo
Sub verda stelo.

"EsPrimo" okos.
Nin ree vokos
Alia loko
Dum majepoko
Al novaj celoj,
Al novaj beloj.



**Ni vivis en Toboljsko**

En majaj tagoj,
Ĉe tusilagoj,
Sub verdaj flagoj,
Por bonaj agoj.

# SUFIKSAJ E-VORTOJ MANKAJ EN LA RUSA LINGVO [1]

## Sufikso -AR-

Vesperas Vankuvero. Mi enpremiĝas inter bunta **busanaro**.
*Mark Fettes, or., Kanado, Esperanto, 2000, 12, p. 201*

La juĝisto jam surmetis gabardinan pluvmantelon kaj **ŝtuparis** al la teretaĝo sen respondo.
*Corrado Tavanti, Italio, István Ertl, Hungario, or., Hungara Vivo, 1990, 5-6, p. 183*

Je sia oka jaro Majlo komencis somerumi ĉe la patro, en la brutbienoj. Estis tagoj de granda savano kaj granda ĉielo, kun bovaroj kaj rajdado. Unu el la etapoj en la forĝado de brila kariero.
La vojoj... la vakero-vojoj, jen vastaj **tagaroj**. Kaj por la adoleskulo estis longaj vojoj, senfinaj tagoj, eĉ impetaj noktoj...
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 95 (jun. 2001), p. 30*

## Sufiksoj -ĈJO-, -NJO-

Lucia ne grimpas sur la floson, ŝi respondas:
– Desupru de tie, **ĉjo** stulta!
*Geraldo Mattos, or., Brazilo, Fonto, 258 (jun. 2002), p. 4*

Kaj survoje staris vi kun radianta vizaĝo. Apudis la **ĝemelĉjoj** ursenbrake.
Bonvenon, Maria-Stela...
*Simono Boniol, or., Fonto, 94 (okt. 1988), p. 15*

"La plej konvenajn vortojn mi ja elektis, **dolĉinjo** mia", nia rakontisto klarigis.
*W.Auld, el la angla, Chun-chan Yeh, Montara Vilaĝo, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1984, p. 132*

Kaj kiam en la klasoĉambro **instrunjo** Alica demandis ion, Ŝukteĥ pensis pri la afero.
*Alberto Garcia Fumero, or., Monato, 1989, 6, p. 19*

Sed la **filnjo** kara, filnjo kompatinda, kie, kiam ŝin mi estos retrovinta?
*K.Kalocsay, el la hungara, S.Petöfi, Johano la Brava, HEA, Budapest, 1984, p. 23*

**Saluĉjon**, Sergeo, kiel vi tradukus al la rusa mian saluton, kiun mi ĵus kreis kaj kiu envere pli taŭgas saluti inon ol viron?
*Anatolo Gonĉarov, ĉe renkonti Sergeon Bronov, Krasnojarsk, Rusio, 07.08.2009*

## Sufikso -EBL-

Hitler kaj tiutempa Tenno bone organizis preskaŭ la tutan sian popolaron. Ho **cerbŝtopeblaj** herooj miskomprenis la militon por sia nacia profito. Fakte nur por ambicio de la registo.
*Mao Zifu, or., Ĉinio, Riveroj, 1997, 16, p. 27*

[1] Similtema publikaĵo "Prefiksaj E-vortoj mankaj en la rusa lingvo" aperis en REGo №№ 6 (61) – 2 (63), 2010-2011.

Ne **estebla** viv' sen kredo,
ne povebla kred' sen Di'...
Kia estas savrimedo,
tra tenebro, – lumradi'?
*J.Kohen-Cedek, or., Fonto, 63 (mart. 1986), p. 19*

... oni eluzas **kieleble** ĉiujn psikajn eblecojn de lernantoj...
*Marta Martonova, or., Ĉehio, Esperantisto Slovaka, 1991, 1, p. 11*

... recenzanto, kiu supozeble ankaŭ instruas Esperanton, sentas la neceson aparte konsideri ĉi tiun tavolon de la **eble-legontoj** kaj komplezi al ili...
*Wojciech Usakiewicz, or., Hungara Vivo, 1987, 5, p. 176*

Nur tio mankis, por ke ilia strukturo plene submetita al la novaj estroj, kiuj estas heroldoj de ĉi tiu mondo, kiujn ili gvidos tra la nodoplena bulo, el dimensioj, **voj la nurebla** metamorfoza fadeno al kosmaj konstantoj.
*Jovan Zarvoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 103*

La mopedo de Filtor malaperis. Li lasis ĝin antaŭ la laboratorio, sed nek tie nek alie lia kara "rajdbesto" estis **spurebla**.
*Paul Thorsen, or., Sferoj-3. Sciencfikcio kaj fantasto, 1984, eld. Grupo Nifo. Hispanio, p. 75*

**Sufikso -EC-**

Jacques Myard, deputito el la prezidanta partio UMP, avertas ke francaj firmaoj, kiuj komercas internacie, uzos nur la anglan por patentpetoj... De ekonomia vidpunkto, oni ne devas sintrompi: la turno al la **tutangleco**, kien ni direktiĝas, fariĝos plia handikapo.
*Dafydd ab Iago, or., La Ondo de Esperanto, 2007, 10, p. 11*

L' arbo povas esti malalta, eĉ **arbusteca**, vere larĝbranĉa, kun nana trunko, ĝisgrunde kliniĝanta, kaŭranta, kokine-surove-sidanta, sufiĉas aliri. Sufiĉas alŝovi la vizaĝon.
*Radoslaw Nowakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 201 (febr. 2003), p. 42*

La lingvo, kies kreon iniciatis doktoro Zamenhof, estis helponta en kompreniĝo inter homoj, kiu ebligas pliigi komprenopovon. Ja se ni renkontas nekompreneblan **aliecon**, tiam ĝi povas eĉ veki malamon...
*Adrian Konopka, or., La Ondo de Esperanto, 2005, 5, p. 19*

La poeto imagas, kiel la ĉefo staras apud la akvofalo profunde pensante, iel **atendece**, sub la libera ĉielo, kaj antaŭ li la forta fluo de la rivero, kie liaj dioj forportiĝas al forgeso.
*Norda Prismo, 1970, 3, p. 188*

Kaj Italio kaj ĝia E-komunumo ŝajnas travivi (kiel granda parto de Okcidenta Eŭropo, fakte) longan **septembrecon**, for de juliaj kaj aŭgustaj celebroj, sed ankaŭ for de oktobraj revolucioj.
**Fruaŭtuneco** metaforas eĉ en la organizo de ĉi tiu UK, kvankam reale en tiel

varme prema vetero ke pluraj misfarte anhelis ĝis enhospitaliĝo.
*Giorgio Silfer, or., Svislando, Heroldo de Esperanto, 2006, 10, p. 4*

Ni rimarku ke la vasta ne-Esperanta mondo komisias al ni ĉiuj la taskon bildaĵi el verda vidpunkto la modernan **aziecon**.
*Probal Daŝgupto, or., Hindio, Esperanto, 1994, 2, p. 21*

Rigardu la politikistojn: ĝenerale ili ĉiam pravas kaj transformas la pensojn de la aliaj **malbonece** por ke la aliaj ne gajnu voĉdonon.
*Claude Gacond, or., Svislando, La Gazeto, 95 (jun. 2001), p. 8*

Kaj en la pura aero de la **boskeca** valo klare aŭdiĝas...
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroata Poezio, Zagreb, 1979, p. 286*

Laŭleĝe de la frontpaĝo iom da **ĉueco** signas la nelacigeblan scivolemon en nia diasporo.
*Madeleine de Zilah, or., Francio, La Gazeto, 50 (jan. 1994), p. 2*

La plej grandaj trezoroj de niaj Esperantaj libroŝrankoj estas antologioj... Ilia amplekso timigas recenzistojn, ilia **elĉieeco** mallogas beletristojn.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 49 (dec. 1994), p. 7*

Aliflanke li ellernis de siaj lernejaj kunuloj tute novajn **diablecojn**, kiuj estis ege pli kontentigaj ol la kompare senofendaj petolaĵoj... hejme.
*George Saville, el la angla, Norda Prismo, 1956, 4-5, p. 205*

"Ĉu vi aŭdis pri tiu planedo kiu ŝvebas en eterna **feliĉeco**? Kompreneble, ne, ĉar teknikaj kapabloj de via epoko ne ebligas prognozon de via feliĉeco.
*Radoslaw Nowakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 210 (aŭg. 2004), p. 219*

Inter ili estis geavoj de Amata. Pro tio ŝia patro ege suferadis kaj ofte riproĉadis al si senkapablon kaj neplenumadon de sia **fileco**.
*Li Yingeng, or., Ĉinio, Riveroj, 26 (nov. 1999), p. 27*

Ĝi kontrolas la estonan lingvoscion de la dunge okupita civitanaro, disdonante atestilojn kaj fiksante la minimumajn laŭleĝe akcepteblajn nivelojn de lingva **flueco**.
*Dieter Rooke, or., Germanio – Svislando, Heroldo de Esperanto, 2007, 8, p. 1*

La sekreton de la vino mi jam sciis de antaŭe kaj eĉ foje uzis ĝin, t.e. paroligi la homojn okcitane dum la ebrio. En la plimulto de okazoj, kiam iu konstatis, ke li parolis la okcitanan, kutime tiu asertas, ke neniam antaŭe parolis tiun lingvaĉon. Tamen la perfekta rego de la lingvo, ties akĉento kaj neniom da **franceco** klarigas, ke tiu homo sufiĉe ofte uzas la lingvon familie.
*Ferriol Macip i Bonet, or., Hispanio (Katalunio), Kontakto, 2006, 3, p. 9*

Aldone, kvankam nature inteligenta, Arlekeno ne havas kulturon, do lia lingvaĵo foje limas je **misgramatikeco**.
*Perla Martinelli, or., Svislando, Literatura Foiro, 226 (apr. 2007), p. 63*

Al la sendogmigo de kristana fundamentismo kaj la mildigo de kristana maltolero kontribuis precipe ateismaj filozofoj, pensuloj, sciencistoj. La klerismo forigis **senhorizontecon** kaj kreis novajn perspektivojn.

*Leen Deij, or., Hollando, Heroldo de Esperanto, 2007, 6, p. 1*

Ĝis nun ni ankoraŭ ne povas vidi la eblon aperigi la poemaron en paperaj eldonoj. Ĝuste tiu (preskaŭ ĉiama) **senelirejeco** instigis min mem ellerni kiel fari 'eLibrojn de Hu Guozhu je http...
*Hu Guozhu, or., Ĉinio, La Gazeto, 116 (jan. 2005), p. 27*

Espereble ilia venonta venko nepre estu la kalkulo de la *mortintoj pro religio* kaj ĉar la konkludoj estos teruraj, en ties antaŭparolo aperu serioza voko por sidigi Vatikanon, Mekkon, Jerusalemon, Tibeton kaj tiel plu sur la benkon de la akuzitoj pro pruveblaj krimoj kontraŭ la homaro. Sekve oni kunkondamnu la **kristanecon** de – ekzemple – salvadora ĉefepiskopo Óskar Romero; la **islamecon** de la andaluza filozofo Abu I-Walid ibn Rusd-Averoo aŭ la judaismon de la israela pacbatalanto Mattiyahu Peled... ĉiuj en la sama sako.
*Arturo Romero, or., Hispanio (Katalunio), La Kancerkliniko, 84 (okt.-dec. 1997), p. 8*

Kiel malbona monero daŭre revenas la antaŭjuĝo malestimo al Esperanto pro la **judeco** de Zamenhof.
*Bernard Golden, or., Usono – Hungario, tejo Tutmonde, 1995, 4 (70), p. 29*

La verko de Garcia Lorca karakteriziĝas per ia **kanzoneco** kun abunda uzo de refrenoj kaj aliaj ripetaĵoj.
*R.P.Nogueira, or., Norda Prismo, 1970, 1, p. 11*

Polvokuris la ribelintoj... rapidegante post la ustaŝoj **senkapece** eskapantaj el niaj vilaĝoj.
*Branko Miljko, el la serba, La legindaj partizanoj, Sarajevo, 1987, p. 11*

La imperiestro permane ŝirmante siajn okulojn, kliniĝis por rigardi la foran boaton de Vang-Fo, kiu estis jam neperceptebla punkto en la krepuska **nekoloreco**.
*Marguerite Yourcenar, el la franca, La KromKancerKliniko, 19 (okt.-dec. 2004), p. 13*

... la cirkonstancoj en kiuj Waringhien konfesis, ke Maŭra kaj G.P.Peneter estas li, sed ankaŭ lian **kunulecon** en koncentrejo kun dominikana pastro Yves Congar kaj la leŭtenanto Ĝugaŝvili, unu el la filoj de Stalin...
*Francisko Degoul, or., La Gazeto, 93 (mar. 2001), p. 22*

Forĵetonte malnovajn paperaĵojn, mia mano trafis forgesitan kajeron, el la tempo kiam mi foje faris **taglibrecajn** notojn.
*István Ertl, or., Hungario, La Gazeto, 97 (dec.2001), p. 15*

Por li evidentas, ke religio estas nure superstrukturo: iu ideologia produktaĵo amasiĝinta sur la veron kaj forviŝenda por plani al infanrasulo la vojon al vera homiĝo demetiganta la sovaĝecon ĝisnunan same kiel, se profiti de infana literaturo, la ligna marioneto Pinokjo demetis sian **lignecon** por fariĝi vera knabo.
*Zecchin Armando, or., Italio, Fonto, 253 (1, 2002), p. 12*

Kiel mondvojaĝanto mi komprenas vere kial oni malamas usonaĉojn, ties arogan-

tecon, troriĉon kaj **unulingvecon**.
*Petro Braŭn, or., Usono, La Kancerkliniko, 107 (jul.-aŭg. 2003), p. 15*

Jen aŭtoro, kiu havis ion por diri. Lia teksto ne estas artfajraĵo el belstilaj artifikoj. Lia sincera honesta verkaĵo estas sen arogo, sen blufa-pufa **literatureco**; ĝi estas skribaĵo humila sed eldiriva.
*Chris Declerk, or., Literatura Foiro, 135 (febr. 1992), p. 41*

Mia provo nove traduki la "Psalmojn" el la antikva hebrea multe interesis lin, kaj li faris plurajn sugestojn kaj proponojn, **literaturecajn**, kiujn mi trovis tre utiligendaj.
*Donald Broadribb, or., Monato, 2001, 3, p. 29*

... iu Anna Solarová, spirite **minuseca**...
*J.Vondroušek, el la ĉeĥa, Karel Čapek, Rakontoj el unua poŝo kaj rakontoj el la dua poŝo, ĈEA, Prago, 1981, p. 92*

Laŭdire oni kuracas neŭrozojn per psikoanalizo, sed neniam mi aŭdis, ke iu povintus resanigi iun de kolektiva **plimulteca** manio. Tia "resanigo" maladaptus la individuon, anstataŭ lin adapti al sia medio, do pligrandigus liajn suferojn.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 90 (okt. 2000), p. 4*

... kaj leteroj – kiel ĉiuj aperintaj en 50 kajeroj – ĝojige atestas la **niecon** de LG.
*Madeleine de Zilah, or., Francio, La Gazeto, 50 (jan. 1994), p. 2*

Estiĝis multaj ŝtatetoj. La urbo Romo akiris al si novan rolon, kiel sidejo da la **papeco**.
*Carlo Sarandrea, or., Esperanto, 2006, 2, p. 27*

Sed ni ankaŭ memoru la knabinon en Peterburgo, kiu konstatinte nian **perdiĝontecon** montris al ni, kien iri...
*La Ondo de Esperanto, 1998, 8-9, p. 14*

Al ĉiuj similaj defioj en sia historio esperanto sukcese respondis per propra interna forto kiu venkis eĉ la negativajn efikojn de la proverba naiveco de la esperantistoj fanfaronantaj pri evidenta facileco, nekontestebla plejlogikeco ktp. -**plejeco** de la kara lingvo.
*Radojica Petrović, or., Literatura Foiro, 187 (okt. 2000), p. 242*

Nitobe Inazo, la unua vicĝenerala sekretario de Ligo de Nacioj, estas konata pro la agado enkonduki tien Eon, kvankam malsukcese.
Lia portreto aperas kiel parto de la 5.000-ena papermono. Sed tiu **portreteco** jam finiĝis. Ekde 1 nov 04, la japana registaro eldonas novan 5.000-enan papermonon, jam ne kun la portreto de Nitobe.
*Sibayama Zyuniti, or., Japanio, Heroldo de Esperanto, 2004, 15, p. 2*

Kiel aliaj liaj verkoj, ankaŭ en tiu ĉi libro mankas rimarkinda **rakonteco** sed la legantoj estas absorbataj de la majstra plumo, kiu el la fenomenoj elĉize abstraktas belan fantazian mondon.
*Budapeŝta informilo, 1982, okt., p. 15*

Orienta medicino, kiu ofte en Okcidento fimenciatas kiel “herba medicino”, “folklora medicino”, aŭ “Ĉina medicino”, estas fakte la akumulaĵo de kelkmil jaroj da medicinaj **saĝecoj**.
*La Espero el Koreio, 1992, 2 (107), p. 9*

La duona kanzonisto estis Serĝo, “lastmomenta truŝtopulo”. Lia brila pianludado faris bonvenan paŭzon en la **sameca** kanzonado.
*Geoffrey Sutton, Stefan MacGill, or., Esperanto, 1985, 1, p. 5*

Kaj ĉiuj ceteraj – sendepende de tio, kiom granda estas ilia racio – komencas turmentiĝi: ĉu...aŭ, kaj kvazaŭ por ili – nome por ili, – ununura konsolo estas pacigi la racion kun la atendata **nescieco** tiel, kiel proponis la granda Blaise Pascal, la malserena ermito de Port-Royal, per sia fama veto, *le pari.*
*Dimitar Ĥaĝiev, el la bulgara, Literatura Foiro, 216 (aŭg. 2005), p. 200*

Atentu, mi ne volas per tio diri ke estas riproĉinde laki la ungojn, sin ŝminki kaj pliĉarmigi per altaj kalkanumoj. Esprimi sian **seksecon** estas per si mem io pozitiva, kvazaŭ oni volus proponi la plejbonon el si. Sed grincas la fakto, ke tiu fakto estas negata al unu el la du seksoj kaj lasata al la alia...
*Perla Martinelli, Femina, 4, 2005, p. 6*

Ho, mi jam scias. Vi drinkas. Drinkas, laŭ la kutima diro de mia aveto, kiel spongo, kaj poste ebriiĝas laŭ la kutima diro de mia avineto, kiel barelo. Ĉu estas la drinkado tio, kio igas vin **skeleteca**?
*Jorge Teles, or., Brazilo, Fonto, 274 (okt. 2003), p. 8*

Tiaj priskriboj ne percepteble perdas sian belecon per la transkulturigo en alian idiomon. Parte ĉar la lingvaĵo de Fernando de Diego multe malpli eksperimentas – aŭ **skolecas** – ĉi tie ol en aliaj tradukoj.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 97 (dec. 2001), p. 22*

Mi sekve konstatis, ke Korĵenkov respektas saĝan ekvilibron inter **troeco** kaj maltroeco da korektoj, kaj pri la plimulto de la fuŝaĵoj rimarkitaj de mi...
*Francisko Degoul, or., Heroldo de Esperanto, 2007, 2, p. 3*

Mi apogas min sur mallonga teksto verkita de la hispana artisto Juan Goytisolo...
Mi citas “La sentoj de simpatio kaj **tujeco**, kiuj puŝis min malkovri la sudamerikajn regionojn...”
*Literatura Foiro, 201 (febr. 2003), p. 18*

... la ĉeĥa verkistino, forpasinta en 1938, donis al mi stroboskopan ekkomprenon pri la mondkultura **kioeco.** Ĉi tio estas valorega donaco, ĉar ni pli sentas ol scias kio estas mondkulturo.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 29 (jun. 1990), p. 3*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

# "GENERACIOJ EN LA URALA ESPERANTISTA MOVADO"

**"EsPrimo-7", Toboljsk, la 8-a de majo 2011**

**Pri la seminario**

Unu el la kernaj ideoj de "EsPrimo-7" estis tiu pri la generaciaj aspektoj de la esperantista movado en Uralo, ĉar ĉi tiu temo restas kontinue aktuala kaj implicas multajn kromproblemojn, kiujn ni konstante alfrontas en la reala agado. La diskuttemo riveliĝis en formo de problemorientita seminaria kunsido kun kolektiva engrupa esploraktivado. Entute en la seminario partoprenis 32 esperantistoj el 11 urboj de Siberio, Uralo kaj Volgio. Strukture la seminaria kunsido entenis tri partojn: enkondukon de Raja Kudrjavceva, estrarano de REU respondeca pri la regiona agado, engrupan pridiskuton de problemoj kaj fine bilancajn konkludojn prezentitajn de Vladimir Opletajev.



*Raja Kudrjavceva*

**Ĝeneralaj generaciaj problemoj**

Generacio estas tuto de la proksimume samaĝaj homoj, vivantaj dum la sama tempoperiodo, kalkulata laŭ la mezkvanta daŭro de tiama homa vivo (laŭ "La nova PIV").

Kiam generacioj abrupte ŝanĝas unu la alian, aperas multaj problemoj: demografiaj, sociaj, teknologiaj, politikaj, ekonomiaj, kulturaj, moralaj. Sed ordinare inter la ekzistantaj generacioj ne estas markataj striktaj limoj. Kontinueco de la generacioj estas necesa kaj objektiva ligo inter la pli aĝa kaj sekvantaj ĝin pli junaj generacioj. Por la sinsekva ŝanĝo kaj rotacio de la generacioj gravas alproprigo de jam ekzistantaj valoroj fare de la novaj generacioj, pluevoluigo de tiuj valoroj kaj ilia pliriĉigo pere de modifita agado surgrunde de modernigitaj malnovaj kondiĉoj.

Ekzistas universalaj kondiĉoj kaj problemoj specifaj por ĉiuj landoj: kontinueco kaj hereda transpero de kulturaj valoroj de unu generacio al la alia; aligo de novaj generacioj al socie gravaj valoroj; nivelo de dependeco kaj interligiteco inter la generacioj, korelativeco de tradicioj kaj novigaĵoj.

**Generacioj kaj esperantista lingva komunumo**

Unu el la plej gravaj problemoj, kiu senpere koncernas ankaŭ la esperantistajn generaciojn, estas tiu pri la heredado de valoroj.

Kulturo estas plej grava valoro determinanta ekzistadon de popoloj, etnoj, nacioj kaj ŝtatoj. Dum sia pli ol centjara historio Esperantujo akumulis multajn kulturajn valorojn transdonendajn al novrekrutataj membroj. Tiuj novtipaj kulturaj propraĵoj ligitaj kun la idealismaj kaj praktikaj konceptoj (sendiskriminaciaj kontaktoj, kontaktoj inter ordinaraj homoj, Esperanto kiel efika socilingva identigilo,

mondkultura perilo, propedeŭtiko por lingvoinstruado, humanismaj spiritaj interligoj ktp.) premisas kontinuan evoluon de la lingvo ene de la intergeneraciaj medioj.

Problemo de la intergeneraciaj rilatoj ofte dependas de la pozicio, kiun okupas junularo, kaj de tio, kiujn eblojn ĝi disponas. En la nunaj kondiĉoj la junularo estas aŭtonoma, memstara, ambicia, mobila, kreema, malrigida, fleksiĝema, teknike evoluinta. Dank' al tiuj ĉi ecoj ĝi estas relative sendependa kaj okupas samnivelajn poziciojn kune kun pli aĝa kaj sperta tavolgrupo de esperantistoj.

La pli aĝa generacio de esperantistoj, akumulinte multajn variajn spertojn sur pluraj kampoj de E-agado, pledas, foje eĉ nur instinkte, por diversrimeda transpero de tiuj spertoj al gejunuloj, kvazaŭ ĝi estus viviga fonto de ideoj kaj garantioj pri seninterrompa kaj daŭra evoluo de la lingva esperantista komunumo.

Sed kiun rolon ludas esperantista komunumo (societo, klubo, rondo, grupo ktp.) en plifirmigo de intergeneraciaj rilatoj? La esperantista komunumo, kiel ajna socia korpo, plenumas diversajn funkciojn rilate al sia diverspartia membraro: finvenkisma, raŭmisma, sektisma, marĝenisma ktp. Tiuj funkcioj jenas.

Eduka – konvertado, rekrutado, subteno kaj enkomunumigo de novaj esperantistoj.

Kultura – kultura interkomunikado, disponigo de realaj ebloj por kultura memidentiĝo.

Soci-statusa – la komunumo ebligas al siaj membroj realigadon de sociutilaj roloj kaj personaj ambiciaj riveliĝoj.

Societa – komuna libera tempopasigo kaj reciproka pliriĉigo de interesoj.

Emocia – emocia kaj psikologia subteno, psikologia komforto.



*Vladimir Opletajev*

**E-generacioj en la Urala regiono (enkonduko dum la seminario)**

La konsisto de la partoprenantoj de "EsPrimo-7" kaj partoprenintoj de la antaŭaj "EsPrimoj" videbligas ĝian buntan diversgeneracian prezentiĝon en Uralo. Sub la vorto "Urala" ni komprenas ne nur geografian regionon apud la Urala montara sistemo kiel Baŝkirio, Ĉeljabinska kaj Sverdlovska regionoj, sed ankaŭ ĉiujn teritoriojn de Urala Federacia arondismento kun la regionoj Tjumena, Kurgana, Hanta-Mansa aŭtonomio. Memkompreneble, al Uralo apartenas ankaŭ Perma regiono. Se paroli pri la generacioj de esperantistoj (ĉu en Uralo aŭ aliloke) ni pensas, ke oni eĉ povas forpreni vortojn "proksimume samaĝaj", kaj la nocio "Generacio de esperantistoj" povas aspekti jene: Tuto de la esperantistoj, vivantaj kaj agantaj dum la sama tempoperiodo.

Kio estu nia tempa deirpunkto? Ni komencu de tiu tempo, por kiu ni havas plimalpli certajn fidindajn informojn pri la organizita esperantista movado en Uralo. Niaj scioj komenciĝas ekde fino de la 60-aj jaroj, kiam ekaktivis en Baŝkirio Boris

Grigorjeviĉ Kolker. Jen, kion li skribis en sia letero al ni antaŭ la 1-a “EsPrimo”:

*“Estas bona afero reaktivigi regionan agadon. Bedaŭrinde, mi ne povis kunpreni en Usonon mian arkivon, kaj mia memoro ne plu estas tiel forta.*

*Mi nur diru, ke REVU-1 okazis en Ufa la 7-8-an de novembro 1968, kaj ĝin partoprenis la novaj kluboj, kiujn mi tiam kreis, en Ufa kaj Birsk, kaj aldone la klubo de Ĉeljabinsk. Dum dek jaroj tiu sukcesa agado etendiĝis al la vastega Volgo-Urala regiono kaj kontribuis al kreo de multaj kluboj kaj aktivuloj.”*

Do, ni prenu okazigon de REVU-1 en 1968 por nia deirpunkto kaj provu fari retrospektivon pri disvolviĝo kaj generaciaj sinsekvoj de uralaj esperantistoj ekde tiu tempo ĝis la nuna momento. Ene de tiuj pli ol 40 pasintaj jaroj oni povas apartigi 3 generaciojn de esperantistoj en Uralo laŭ la tempo-periodoj:

1. Ekde fino de la 60-aj jaroj ĝis proksimume mezo de la 80-aj jaroj (1985-88). Tiam aperis generacio de esperantistoj el la famaj Tjumena, Ĉeljabinska, Miassa, Perma, Ufa, Salavata E-kluboj kaj aktivis tiaj figuroj, kiel: Boris Kolker, Nina Cvileneva, Nina Korĵenevskaja, Alla Silantjeva, Aleksej Aleksandrov, Viktor Laptev, Vjaĉeslav Roĵdestvenskij, Ludmila Novikova, Aleksej Fomin, Aleksandr Knjazev, Tatjana Koptjagina, Viktor Kudrjavcev, Jelena Uspenskaja, Tatjana Serebrennikova, Galina Graĉova, Aleksandr Osokin, Tatjana Vŝivceva, Aleksandr Kalaŝnikov, Vladimir Opletajev, Dilara Gadirova, Vladimir Izosimov, Valentina Zaĥarova, Sergej Straŝnenko, Nadeĵda Ŝeveljova, Aleksander Korĵenkov, Halina Gorecka, Ljudmila Civiljova, Aleksandr Ŝarov, Aleksandr Mikiŝev, Firdaus Kasimov, Aleksandr Korvackij, Andrej Peĉonkin, Viktor Kloĉkov, Viktor Sircov, Rita Dautova, Natalja Talankina, Marina Kadirova kaj multaj aliaj.

2. Post la 80-aj jaroj ĝis proksimume 2000 plejparto de tiuj esperantistoj laŭ diversaj kialoj, ligitaj al politikaj kaj ekonomiaj eventoj en nia lando, malpliaktiviĝis aŭ deflankiĝis de aktiva E-agado (kelkaj tiam forveturis eksterlanden, iuj forpasis ktp.). Sed en tiu tempoperiodo en Uralo pli kaj pli sukcese kaj varie aktivis la familio de Horecka-Korĵenkov, kaj kun ili kunagadis Viktor Kloĉkov, Natalija Livŝic, Jelena Morozova, Ilsija Novikova, Viktor Sapoĵnikov, Aleksandr Zagvazdin, Nikolaj Lozgaĉev, Irina Kirina, Vladimir Viĉegĵanin, Lidija Jerofejeva, Aleksej Birjulin kaj Vladimir Minin el Siberio, fratoj Parfentjev, Viktor Kulakov kaj Tatjana Kulakova, Oljga Gavrilova, Nikolaj Popov, transloĝiĝinta el Siberio Vladimir Terjoĥin. En tiu tempo Halina Gorecka kaj Aleksander Korĵenkov komencis eldonadon de diversaj E-periodaĵoj kaj libroj en Jekaterinburg.

3. La tria generacia ondo aperis en la urala regiono komence de la 21-a jarcento kaj aktivas ĝis nun. Tio okazis antaŭ ĉio dank’ al renaskiĝo de Tjumena E-klubo “Revo” kun malnova nomo, sed kun tute nova anaro – senŝanĝa prezidanto Pavel Veselov, aktivuloj Mansur Mamkin, Nastja Golovkina, Galina Sarapulova, fratinoj Derebenko, Andrej Hiĵnjak, Ksenija Baklickaja, Jevgenij Volkov, Oljga Pisareva; en Jekaterinburg ankaŭ aperis novaj aktivuloj: Aleksandr Osincev, Arina Osipova, Svetlana Godireva, Natalja Kabirova; en Ĉeljabinsk ekaktivis nova esperantistino Darja Zelenina; aliĝis al la regiona agado Katerina Arbekova el Novosibirsk, Konstantin Obrazcov el Tomsk, Veniamin Rozenberg el Omsk, Nikolaj Neĉajev el Irkutsk; ne ĉesis aktivi en tiu periodo malnovuloj: Raja kaj Viktor Kudrjavcev,

Vladimir Opletajev, Dilara Gadirova, Aleksandr Kalaŝnikov, Lidija Jerofejeva kaj Sergej Potoskujev, Galina kaj Nikolaj Terentjev, Tatjana kaj Tim Vŝivcev, Vladimir Terjoĥin...

Oni ne povas diri, ke la menciitaj generacioj iel apartas unu de la alia; ordinare inter ili ne ekzistas iaj striktaj linioj, kiuj limigas unu generacion de la alia. Eĉ male – ekzemple, dank' al la sindona laboro de Vladimir Izosimov okazis renaskiĝo de Tjumena E-klubo, dank' al kreita organiza teamo de "EsPrimoj", kien eniris reprezentantoj de kelkaj urboj (Jekaterinburg-Tjumenj-Surgut-Toboljsk-Novosibirsk), dum la lastaj 8 jaroj konstante kaj stabile okazas niaj regionaj printempaj esperantistaj jarkunvenoj. Estas komprenble, ke la urala esperantistaro dum ĉiu el la menciitaj tempoperiodoj frontis la problemojn, kiuj same aktualis por la landa kaj eĉ por la monda E-movadoj:

– la pli aĝa (la unua) generacio jam ricevis de Esperanto ĉion, kion volis, uzis kaj ĝuis ĉiujn aŭ multajn avantaĝojn de la lingvo internacia, pro kio intereso al E-mondo eble ne malaperis, sed signife malfortiĝis;

– la 2-a generacio spertis kaj ĝis nun spertas necertecon de sia ekonomia kaj statusa situacioj kaj estas katenita per familiaj, oficaj kaj similaj problemoj;

– la 3-a, plej juna generacio estas multe pli energia kaj dume ne estas tre premita de problemoj pri salajroj, loĝejoj, infanoj ktp, sed al ĝi verŝajne mankas "valoroj gravaj kaj logaj", kiujn en Esperanto trovadis du antaŭaj generacioj – libera komunikado tra la mondo, en- kaj eksterlandaj vojaĝoj, eblaj antaŭe plejparte nur dank' al Esperanto, tute aparta etoso de E-komunumo, kantoj ĉe lignofajroj, poezio, E-literaturo (ja oni ĝenerale nun nemulte legas librojn).

Spite al ĉiuj tiuj problemoj, kiuj kaŭzis malaktiviĝon de tiu aŭ alia persono, en nia regiono restas signifa nombro de esperantistoj, kaj ni provis kalkuli statistikon de uralaj esperantistoj nuntempe. Do, esperantistojn en Uralo oni povas disdividi je kelkaj kategorioj. **Aĝa kategorio:** junuloj (ĝis 30 jaroj) – 30%, mezaĝuloj (de 30 ĝis 60 jaroj) – 55%, aĝuloj (ekde 60 jaroj) – 15%; **lingva kategorio:** malnovaj esperantistoj (pli ol 3 jaroj) – 77%, novaj esperantistoj (malpli ol 3 jaroj) – 23%; **statusa kategorio:** aktivaj esperantistoj – 32%, malaktivaj esperantistoj– 68%.




Laŭ socia statuso nia urala esperantistaro kon-

sistas el studentoj, instruistoj kaj pedagogoj, malpli da inĝenieroj; estas oficistoj kaj, kompreneble, pensiuloj; inter la gejunuloj abundas programistoj kaj komputilistoj; preskaŭ mankas laboristoj, kuracistoj kaj sciencistoj. Nia sociala statusa statistiko tre similas al la ĝenerala en la lando.

**Rezultoj de la engrupa aktivado**

Plej interese kaj vigle pasis la dua seminariparto, kiam al ĝiaj partoprenintoj estis proponita kolektiva esplorlaboro en kvar diversaj grupoj, kiuj nomiĝis: "Geaĝuloj", "Gejunuloj", "Generaciaj valoroj" kaj "Esperantista komunumo". Vere, estis ĝojige vidi, kiom aktive kaj kreeme laboris ĉiu el la grupoj, kune cerbumante pri la starigita antaŭ ili tasko, aŭskultante ideojn kaj proponojn de la grupanoj, desegnante skemojn kaj bildojn, kiuj povus helpi dum publika prezento de kolektivaj opinioj.

La grupo **"Geaĝuloj"** (gvidanto A.Kalaŝnikov) reflektis spektron de siaj atendoj pri pli juna generacio de esperantistoj. Evidentiĝis, ke junaj esperantistoj tre plaĉas al la geaĝuloj pro multaj trajtoj specifaj por novaj teknologiaj generacioj, sed samtempe laŭ la aĝula versio ili rivelas videblajn mankojn: la gejunuloj ne tiom bone scias kunlabori kaj kunagadi teame, fojfoje ili neglektas tradiciojn kaj malatentas originajn fontojn kaj historion, ne pretas lerni el spertoj de antaŭaj generacioj. La geaĝula teamo admonis gejunulojn al kvalita evoluigo de siaj lingvokonoj por ne resti eterne ĉe la baza nivelo, al praktika aplikado de Esperanto en diversaj agosferoj, al realigo de siaj kapabloj en novaj projektoj, ekzemple, en la konkero de Interreto, kiu neeviteble premisas novan teknologian kaj informan evoluvojon.



Similan temon pridiskutis la grupo **"Gejunuloj"** (gvidanto A.Osincev), sed ili inverse turnis sin kun siaj proponoj al la reprezentantoj de pli aĝa generacio. Interalie, ili proponis ne trudi ĉiupaŝe Esperanton kiel pontolingvon, sed paroli pri aliaj pli praktikaj celoj kaj aferoj, kaj petis, ke la geaĝuloj ne estu tro rigidaj, sed fariĝu pli fleksiĝemaj en modernaj kondiĉoj, ke ili sekvu pli racian lingvan politikon kaj estu pretaj subteni la gejunulojn en iliaj provoj alproprigi valorojn de la antaŭaj generacioj.

La grupo **"Generaciaj valoroj"** (gvidis V.Kudrjavcev) studis kontinuigendajn valorojn en la esperantista komunumo kaj refoje konstatis, ke la lingvo Esperanto

estas tiu pinta kultura heredenda kaj aparte dorlotenda valoro simila al neelĉerpebla fonto, kiu unuigas diversaĝajn homojn kaj generas ekskluzive neripeteblan etoson de interkontaktoj, el kiuj oni ĉerpas sentojn de interhelpemo kaj amikeco, internacia solidareco kaj demokratia kunagado. Ĉi tie temis ankaŭ pri tia herendenda valoro, kia estas la jam ekzistanta riĉa originala kaj tradukita E-literaturo, kiun gravas nepre konigi al pli junaj generacioj, kaj la grupanoj parolis ankaŭ pri la transdonindaj tradicioj de urala (kaj ĝenerale rusia) esperantistaro, ekz.: tradicio de renkontiĝoj, tradicio de komuna kantado dum ili ktp.

Komplikan temon fosis la grupo, kiu okupiĝis pri la **esperantista komunumo** kaj ĝia grava rolo en la akcelo de la intergeneraciaj kontaktoj (gvidis K.Arbekova). La lingva komunumo ne estas por esperantistoj nur marota rifuĝejo kun laikeca fono, ĝi similas al granda hejmo enloĝata de diversgeneraciaj homoj kaj karakterizata per sia propra, jam historie elprovita hierarkio. Por ke la vivo en ĉi tiu komuna hejmo estu stabila kaj premisu daŭran evoluon, ĉiu ĝia enloĝanto devus trovi en ĝi sian propran unikan lokon, tolereme kaj apoge rilati al siaj diversaĝaj kunloĝantoj kaj laŭpove kontribui al la komuna afero por plivivigo de la fonto Esperanto.




## Kelkaj antaŭ- kaj postseminariaj konkludoj

Nun ni povas konstati, ke en la Urala regiono laŭ la aĝa kategorio pli multas esperantistoj mezaĝaj – t.e. la plej fruktodona kaj aktiva generacio, kiu kunligas junajn homojn kun pliaĝuloj. Laŭ la lingva kategorio pli abundas esperantistoj posedantaj multjaran lingvan sperton, t.e. pli malpli aktivaj konsumantoj de kulturaj produktoj kaj ofertoj. El la vidpunkto de la statusa kategorio evidentas la fakto, ke en Uralo ne sufiĉas aktivaj esperantistoj kapablaj efike motori la agadon por kaj per Esperanto. Tiu ĉi problemo restas aktuala dum pluraj jaroj, kaj ĝi povas pliakriĝi se en la agadon ne estos kontinue engaĝataj pli junaj kaj moderne agorditaj aktivuloj.

Ni ne vidas en nia regiono kontraŭstarojn inter diversgeneraciaj esperantistoj, sed ankaŭ ne vaste riveliĝas ilia firma interligiteco, kvankam en la sfero de amikaj kaj personaj interkontaktoj plene forestas problemoj kaj obstakloj.

Ĉiam aktualas la problemo de integrado de novaj esperantistoj. Pri tio povus kaj devus zorgi la komunumo mem. Se ĝi kapablas rekruti novajn membrojn per

ĉeestaj kursoj aŭ gazetara kaj interreta varbadoj, ĝi devus konforme al siaj sociaj funkcioj pli aktive proponi al ili diversajn kulturajn kaj movadajn ofertojn por ilia plua memstara kaj sukcesa evoluvojo.

La ĉefa diskuttemo de "EsPrimo-7", tiu ĉi seminario mem kaj ankaŭ kelkaj prezentitaj en la programo de la renkontiĝo projektoj (projekto "Portreta galerio de uralaj kaj siberiaj esperantistoj", projekto de tjumenanoj, ligita al la pli ol tridekjara historio de ilia klubo "Revo") celas reaktivigi intergeneraciajn kontaktojn de uralaj esperantistoj kaj espereble kontribuos por plifirmigo de intergeneraciaj rilatoj.

**Postvorte**

Ni kore dankas al ĉiuj partoprenintoj de la seminario por ilia neindiferenta kunlaboro kaj aktiva engaĝiteco en la traktata temo.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg), Vladimir Opletajev (Surgut)***

## JUBILEO DE "LA ONDO DE ESPERANTO"

La 6-an de junio en moskva universitato "Justo" (kutima kunvenejo de moskva E-klubo "Lev Tolstoj") okazis la festo pro la duobla jubileo de la revuo "La Ondo de Esperanto": 20-jara datreveno de relanĉo kaj apero de la 200-a numero. Tio estis komuna aranĝo de la redakcio kaj REU. Ĉar ne venis ĵurnalistoj kaj aliaj fremdaj gastoj, la tuta programo okazis en Esperanto. Ĉeestis ĉ. 30 personoj.

Rektoro de "Justo" Gennadij Ŝilo prezentis la eldonistojn de "La Ondo..." Halina Gorecka kaj Aleksander Korĵenkov kaj solene enmanigis al ili honoran diplomon pro multjara fidela agado por Esperanto. Aleksander rakontis pri historio de la malnova "La Ondo de Esperanto", aperinta antaŭ jarcento, poste li traktis la novan historion de la revuo (ekde 1991), estis ekspoziciitaj dekkelko da revu-numeroj diversjaraj. Halina detale rakontis pri la enhavo de la 200-a numero (junio 2011). Estis voĉlegitaj kelkaj gratuloj, i.a. de la REU-Prezidanto Grigorij Arosev, troviĝanta tiutage eksterlande. Valentin Melnikov rakontis pri sia multjara kunlaboro kun "La Ondo de Esperanto" kaj dankis al Aleksander Korĵenkov, kiu helpis lin iĝi renoma E-literaturisto. Dezirantoj povis aboni "La Ondon..." laŭ speciale rabatita prezo. Funkciis ekspozicio kaj libroservo. Sekvis bongusta regalo kaj libera interparolado.



***<esperanto-rus-informoj>***

## PRINTEMPA TUMULTO

Ĉi-jara printempo en Uljanovska E-klubo estis bunta.

Aprile finis korespondkurson nia sindikino Galina Aleksejeva. La 2-an de aprilo ŝi ricevis la diplomon kaj tuj komencis aktive helpi dum E-kurso en la klubo. Tio signifas seriozan rilaton al Esperanto. Ni deziras al ŝi sukcesojn.

La 6-an de aprilo ni salutis en nia klubo la filinon de V.A.Travin, pri kiu en la antaŭa REGo-numero (pp. 23-24) aperis artikolo de Jelena Sirotinina. Dum amika teumado okaze de la patra naskiĝtago Natalja Travina respondis demandojn de klubanoj kaj donacis al ni kelkajn E-librojn kaj gazetojn.

Meze de aprilo ni kune kun la tuta lando celebris la 50-jaran jubileon de la unua flugo en kosmon. Ni vizitis ekspozicion, dediĉitan al tiu evento. La ekspozicio estas organizita en la Palaco de Libroj (fako pri teknika literaturo, estrino Jelena Sabanova). Dum simila aranĝo por studentoj de la fremdlingva fakultato de Pedagogia Universitato sonis esperantlingve versaĵo de Lubomir Dmiterko "Jam la tria..." (tradukita de K.Gusev). Estas ankaŭ farita esperantlingva komputila prezento "Vojo al kosmo".



*dum promenado en Volgograd kun Tatjana Vtorova*

Zajdja Sibgatulina kaj Olga Terentjeva vizitis kunvenon en Samara. Zajdja rakontis pri tiu vizito dum kluba leciono. Kun granda plezuro ŝi rememoris interesajn ekskursojn tra la urbo. Multaj klubanoj bedaŭris, ke ili ne povis partopreni la renkontiĝon, organizitan de Jelena Kuznecova.

La 22-an de aprilo sonis "la adiaŭa sonorilo" por nia klubano Ivan Kaĉalov, kiu finis la universitaton kaj intencas labori en Uljanovska regiono. Speciale por li ni faris komputilan esperantlingvan gratulon, kiun spektis ĉiuj studentoj de la fremdlingva fakultato kaj eĉ petis lin pri traduko.

Dum aprilo estis preparitaj du faldfolioj pri muziko laŭ tekstoj de Bronislav Ĉupin (Iĵevsk). Temas pri fama rusa komponisto P.I.Ĉajkovskij kaj fama aŭstra komponisto J.Ŝtraus, kiu ofte vizitis Rusion. La faldfolio titoliĝas "Johan Ŝtraus en Pavlovsk". Ni dankas nian iĵevskan samideanon kaj amikon pro la kunlaboro.

Fine de aprilo en la klubo "Verda suno" (Dimitrovgrad) estas priparolitaj pluaj planoj de komuna laboro. La du kluboj preparis KD-diskon, kie estas voĉlegita la poemo de Vasilij Devjatnin "Velga". Tio ne estas fina rezulto de la amatora laboro, tamen ni volis montri al aliaj kluboj unu el eblecoj de kluba kunlaboro.

Por la 4-a de majo estis planita grupa vojaĝo (kvinope) al Volgograd. Tamen pro eksplodoj en la urbo la gepatroj de studentinoj ne permesis ilian vojaĝon. Do,

mi vojaĝis sola. Okazis bonetosa renkontiĝo en la klubejo. Dum la kunveno nin ĝojigis malgranda teatraĵeto en plenumo de Valentina Spicina kaj Ljudmila Bikova. Kaj poste ni kun granda plezuro kantis kanton pri Volgo, tradukitan de Klara Ilutoviĉ. Estis tre agrable ree vidi niajn bonajn konatinojn Vera Dumler kaj Anastasija Taldikina kun ŝia amiko Oleg. Ni fotis unu la alian en la klubejo, kiu estas samtempe muzeo. Ĉiufoje mi trovas en la muzeo ion novan kaj interesan.

La sekvan tagon estis frumatena vizito al Mamajev-monto. Jam ekzistas faldfolio pri tiu heroa loko, farita de reprezentantoj de tri kluboj (Tatjana Vtorova, Margarita Karceva, Tatjana Iljutkina kaj Oljga Terentjeva) kaj kunprenita por la volgograda klubo "Espero". En Stalingrad batalis multaj uljanovskanoj.

Vespere ni kunvenis ĉe Tatjana Vtorova por spekti komputilan prezenton de nia klubo, kiu nomiĝas "De abio-festo ĝis abio-festo" kaj ilustras la vivon de uljanovskaj esperantistoj dum la jubilea jaro 2010. Tio estas jam la dua komputila prezento: la unua prezento ("Ulajnovska klubo 2009"), fare de Tatjana Kuzmina, estis montrita dum TILE-6 en Soĉi. Dum la tria tago ni promenis tra la urbo, kaj Tatjana rakontis pri la unua E-grupo en la urbo kaj montris ĝian eksan "loĝlokon" (Kulturplacon "Kemiisto").

La 5-an de majo granda grupo de dimitrovgradanoj kaj nia klubanino Ljubovj Zajceva jam veturis per trajno al Jekaterinburg, kie ilin atendis tieaj esperantistoj. Arina Osipova gastame gvidis la grupon tra la urbo. La 7-an la vojaĝantoj estis jam en Toboljsk por partopreni en EsPrimo-7.



*"Ĉefverkoj ekster la leĝo". Julija kaj Elmira*

Kaj la 9-an de majo venis grandega festo – la Tago de Venko. Antaŭtage estis preta esperantlingva faldfolio pri la heroa Bresta fortreso. Nia samregionano Aleksej Naganov estis defendanto de la fortreso, kies garnizono fortege rezistis al la germanaj soldatoj.

La lasta maja aranĝo, kiun partoprenis niaj junulinoj Elmira Kuĉatova kaj Julija Ravina, nomiĝis "Ĉefverkoj ekster la leĝo". Temis pri malpermesitaj artaĵoj dum la nazia reĝimo. En tri lingvoj (germane, ruse kaj Esperante) estis deklamita la versaĵo de H.Heine "Ein Fichtenbaum steht einsam...", brile tradukita de M.Lermontov: "На севере диком стоит одиноко...". En Esperanton tiun versaĵon tradukis L.Zamenhof. Poste aperis aliaj tradukoj (ekzemple de K.Kalocsay). Tamen oni decidis ankoraŭfoje mencii la nomon de Esperanto-kreinto.

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## *IN MEMORIAM*: VLADIMIR IZOSIMOV

(1947 – 1998)

Vladimir naskiĝis la 9-an de aŭgusto 1947 en Tjumenj. Li ŝatis siajn gepatrojn kaj la naskiĝurbon, en kiu li travivis sian vivon tiel rapide, kun impeto de homo malindiferenta pri ĉiaj devoj kaj taskoj, avida je novaj travivaĵoj. Vladimir finis la elektroteknikan fakultaton de Tjumena industria instituto kaj estis diplomita inĝeniero.

Unuafoje informiĝis li pri Esperanto ankoraŭ en sia lernejana aĝo leginte informartikolon en la tutsovetia populara infana tagĵurnalo "Pionerskaja pravda". Sed li esperantistiĝis jam kiel plenkreskulo en 1976 fininte aprile la kurson de Marina Kazazova ĉe la instituto "Giprotjumenjneftegaz", kaj aŭtune de la sama jaro li fariĝis membro de la urba esperantista klubo "Revo". Ekde la klubaniĝo kaj ĝis la lasta tago de sia vivo li estis kluba estrarano kaj ĝia multjara prezidanto. Vladimir estis ankaŭ kluba reprezentanto en SEJM. Laŭ propraj rememoroj dum la unuaj dek jaroj li partoprenis preskaŭ 40 esperantistajn renkontiĝojn de la tutlanda kaj regionaj (urala kaj siberia) skaloj ĝis la interurbaj turistaj marŝoj kaj kunvenoj. En 1982 li faris grandegan preparlaboron kiel prezidanto de la Organiza komitato de la amasa kaj sukcesa OrSEJT-24 okazinta aŭguste apud Tjumenj. Tiam li estis ankaŭ kasisto kaj membro de la Tendara estraro.



Li mem estis organizanto de pluraj tradiciaj klubaj esperantistaj renkontiĝoj: vintraj – "Lazura tajgo", printempaj – "Galanto". Dank' al lia iniciato uralaj esperantistoj povis ĉiusomere kunveni kaj praktiki la lingvon dum la amika ripozado en la Tendareto – semajnfina turista eksterurbiĝo de esperantistoj. Komence la tendaretoj estis ĉe la rivero Piŝma, ekde 1994 – ĉe varmega akvofonto je dudek kilometroj for de Tjumenj proksime de la fama tendarejo "La geknaba respubliko". Li estis sportema homo kaj kapablis konverti malsportemulojn al tendumado kaj arbara turista vivo. Li ŝatis bicikli, luktosporti kaj piedmarŝi.

La amikoj memoras lin esti ĉiam trankvila, ekvilibra, ne tre babilema. Laŭ la karaktero Vladimir apartenis al hezitemaj homoj. Kutime li ŝatis apogi sian mentonon per la dekstra mano, interkruci la brakojn, klineti la kapon kaj tiel paŝi senvorte kaj enpensiĝinte pri iuj problemoj meze de brua tumulto de iu kunveno aŭ renkontiĝo. Li interesiĝis pri multaj aferoj en la vivo: tekniko, politiko, sporto, turismo, lingvoj, literaturo, fotografado.

Kun plezuro li tradukadis en Esperanton la faman scienc-fikcian romanon "La

Nebulozo de Andromedo” de sia ŝatata verkisto Ivan Jefremov, ĉar estis nome lia elemento nehaste manipuli vortojn, fosi en vortaroj kaj leksikonoj, solvi leksikajn embarasojn. Bedaŭrinde, la laboro ne estis finita, kaj teksto de lia keldekpaĝa maŝinskribita traduko nun apenaŭ retroveblas. Ankaŭ poezio estis por Vladimir interesa, kaj li faris provojn traduki en Esperanton poemojn, i.a. la faman rusan popolan kanton “La Sankta Bajkalo”.

En la epoko de tradicia papera poŝto Vladimir estis ankaŭ aktiva leterverkanto, kaj li volonte skribis detalajn leterojn al geamikoj kaj eksaj geklubanoj loĝantaj en aliaj urboj, konigante faktojn kaj datojn kvazaŭ li zorge raportus pri aktualaj klubaj eventoj. Estas tre bedaŭrinde, ke nur malmultaj el tiuj leteroj konserviĝis.

Oni devas aparte danki al Vladimir pro la patronado de la esperantista klubo en Tjumenj en la plej malfacilaj jaroj, kiam komence de la Gorbaĉova perestrojko en la lando regis kaoso kaj malstabiliĝo, ruiniĝis sovetia socia sistemo. La klubo estis senigita je la senpaga ejo en la Kulturpalaco de fervojistoj uzata dum multaj jaroj por kunvenoj kaj kursoj. En tiu tempo homoj orientiĝis al pli praktikaj merkataj okupoj por ĉiurimede lukri kaj sin vivteni, preskaŭ malatentis idealismajn celojn ekster la ekonomia cirkonstancaro. En ĉi tiu periodo li plu persiste gvidis kursojn de Esperanto, ankaŭ por geknaboj en urba junulara klubo, li penadis aktivigi lokajn esperantistojn eĉ malgraŭ pasiviĝo kaj rapida forfalo el la movado de pluraj spertaj kaj malnovaj geklubanoj. Vladimir estis homo posedanta eksplicitajn trajtojn de tre honesta kaj skrupule memdeviga persono kapabla alfronti taskojn kies realigo postulis multan tempon, persiston kaj fortostreĉojn.

En oktobro de 1998 estis okazonta 25-jariĝo de la klubo, al kiu li dediĉis pli ol dudek jarojn de sia vivo. Kiel prezidanto Vladimir klopodis okazigi interesan festan ceremonion, li zorgis pri programo de la kunveno, kontaktis kaj invitis al la festo eksajn geklubanojn. Sed antaŭtage de la atendata festo tjumenajn esperantistojn afliktis skua informo pri la subita forpaso de Vladimir. Li mortis dum labortago en sia oficejo pro trombo ŝtopinta korangion. Neniu volis kredi tion. Por savi lin restis nur kelkaj minutoj, sed al ĉi tiu forta, sportema kaj ŝajne sana homo ne povis tiumomente urĝe veni ĥirurga medicina helpo.

Kun Vladimir estas ligita grava periodo en la historio de la esperantista klubo “Revo”, li estis dum multaj jaroj ĝia senlaca apoganto, revema kaj obstina movanto. Li vivis kaj agis simile al kandelo, kiu diligente brulas kaj malavare radias ĉirkaŭen al ĉiuj bezonatajn lumon kaj varmon.

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

*el la projekto “Portreta galerio de uralaj kaj siberiaj esperantistoj”*

*La aŭtoro dankas al Vasilij Birjukov (Kamensk-Uraljskij ), Aleksandr Kalaŝnikov (Tjumenj), Nadeĵda Ŝeveljova (Tjumenj), Valentina Zaĥarova (Usinsk) por la afable disponigitaj fotoj kaj rememoroj.*

## INTERVJUOJ KUN EKSPREZIDANTOJ DE REU

Daŭrigante la serion de materialoj dediĉe al la 20-jariĝo de REU, ni publikigas mallongajn intervjuojn kun ĉiuj eksprezidantoj de REU, en kiuj ili koncize rakontas pri sia agado kaj prezentas proprajn vidpunktojn pri la nuna stato de REU. Sinsekvo de la intervjuoj estas kronologia. En la antaŭaj numeroj de REGo aperis intervjuoj kun Viktor Aroloviĉ, Andrej Grigorjevskij kaj Nikolaj Gudskov.

---

**Aleksander Korĵenkov (prezidado: oktobro 1995 – februaro 1997)**

*– Bonvolu rakonti pri la unuiĝo de REU kaj REA: kiuj estis viaj motivoj por efektivigi la unuiĝon? Ĉu vi nun ne bedaŭras pro tio ke vi fakte rezignis vian asocion?*

– La motivo estis sola kaj bone komprenebla, du landaj asocioj samtipaj estis tro multe por la lando kun malmultaj esperantistoj (je la momento de la unuiĝo Ruslanda Esperanto-Asocio havis 218 kotizintajn membrojn, kaj al REU kotizis ĉ. 50 personoj). La unuiĝon proponis la prezidanto de REA Nikolaj Lozgaĉev, kiam la du asocioj ne finvivis eĉ la duan jaron de sia ekzisto. La unuiĝo okazis tute senstumble post malpli ol tri jaroj de la stranga duasocieco, kaj la historio montris, ke post la unuiĝo neniu entreprenis fondon de plia landskala Esperanto-organizo en Ruslando. Do, la unuiĝo estis tute natura, kaj mi ne bedaŭras, ke la asocioj unuiĝis.

*– Vi fariĝis prezidanto en oktobro 1995 kaj prezidis dum 16 monatoj. Kion vi planis fari en la posteno, kaj kio sukcese efektiviĝis?*

– La agadplano de la Estraro enhavis 25 taskojn, kaj miaflanke mi realigis ĉiujn taskojn, kiuj estis komisiitaj al mi. Mi do povas sentroige respondi, ke ĉio sukcese efektiviĝis. Inter la konkretaj atingoj estis, ekzemple, jenaj.

– La asocia membraro kreskis je 32,9%, de 79 ĝis 105 kotizantaj membroj.

– Plimultiĝis ankaŭ la kolektivaj membroj de 12 kluboj kun 182 kotizintaj klubanoj en la antaŭa mandato ĝis 17 kluboj kun 224 kotizintaj klubanoj dum mia mandato.

– La financa situacio de REU estis katastrofa, kiam mi ekplenumis la taskon. Estas preskaŭ nekredebla la fakto, ke la antaŭa Estraro eĉ ne havis buĝeton! Mi devis multe klopodi por renovigi la financan agadon, kaj mi fieretas, ke dum mia prezidanteco REU finis sian financan jaron kun agrabla pozitiva saldo, kaj la asocia kapitalo kreskis je 43,87%.

– Bona investo de la asocia kapitalo kaj de la nove starigita fonduso “La Dua Jarcento” ebligis uzi renton por dungi partatempan sekretarion, sen tuŝi la ĝeneralan kason. Danke al tio la administrado, financado, ekspedado kaj rilatoj kun la membroj estis farataj tre efike kaj profesinivele.

– Estis fondita “Bulteno de REU”, kiu akurate aperis laŭ la planitaj datoj.

*– Kio laŭ vi estas ĝeneralaj problemoj de E-movado en Rusio tiam kaj nun (ne temas nur pri REU)?*

– La plej grava estas manko de adekvata kolektiva kompreno pri la aktuala kaj celata loko kaj rolo de Esperanto en la lando. Sen tio neniu serioza agado estas ebla.

*– Kial vi neniam post via prezidado remembriĝis en REU? Kio devas okazi por ke vi membriĝu?*

– Same kiel la konata protagonisto de Sándor Szathmári, mi povas diri: “Mi ankoraŭ ne pensadis pri tio”. Se serioze, mi ja kotizus al la asocio, se la aparteno al ĝi donus al mi utilon, prestiĝon aŭ plezuron. REU en la nuna stato donus al mi neniom el la tri, kaj mi do vivas mian esperantistecon ekster ĝia kadro.

## LA ESTRARO DE UEA KUNSIDIS EN ROTERDAMO

Ekde sia elekto en Havano la Estraro de UEA praktike konstante kunsidas rete, sed la unuan realan kunsidon en la Centra Oficejo ĝi havis de la 15-a ĝis la 17-a de aprilo. Tuttempe partoprenis Prezidanto Probal Dasgupta, Vicprezidanto Claude Nourmont, Ĝenerala Sekretario Barbara Pietrzak kaj estraranoj Loes Demmendaal, Maritza Gutiérrez kaj Stefano Keller. Pro aliaj sindevontigoj Amri Wandel ne ĉeestis en la lasta tago. Ĝenerala Direktoro Osmo Buller povis ĉeesti pro malsano nur mallonge en du tagoj. Lin anstataŭis oficisto Pasquale Zapelli, kiu partoprenis tuttempe, same kiel redaktoro Stano Marček. La prezidanto de ILEI Stefan MacGill ĉeestis la tutan unuan tagon, dum la volontulo de TEJO Manuela Ronco kaj la oficistoj de la Kongresa Fako Clay Magalhães kaj Tobiasz Kaźmierski ĉeestis dum la traktado de iliaj laborkampoj.

Dum la pasintaj monatoj la Estraro faris multajn decidojn rete. Tiun eblecon ricevos ankaŭ la Komitato, kiu tiucele ricevos en Kopenhago proponon pri ŝanĝo en la Komitata Regularo. Jam pli frue la Estraro aprobos novan dokumenton pri la gvidlinioj por la redaktado de la revuo *Esperanto*. Ĝian malneton ĝi jam prezentis al la Komitato por komentoj, kiujn oni laŭeble konsideros en la fina versio. Poste la Estraro proponos novan kontrakton al la nuna redaktoro de la revuo.

La Estraro ricevis raporton pri la ĝisnuna laboro de la Komisiono pri Strategiaj Demandoj, kiu diskutas pri radikalaj ŝanĝoj en la strukturo kaj funkciado de UEA. La estraranoj decidis unuope kontribui al la diskuto en la komitata retlisto. Ili trovis siajn vidpunktojn tre proksimaj inter si sed ne facile resumeblaj en komuna estrara opiniesprimo, ĉar la raporto venis mallonge antaŭ la kunsido. Ili do konkludis, ke en la komitata listo ili povos plej utile prezenti siajn vidpunktojn kaj evidentigi la komunecon de siaj pensoj.

La Estraro ricevis ankaŭ raporton pri la progreso de la renovigo de la ĉefa retejo de UEA <http://www.uea.org/>. Kun ĝojo oni notis la ĝisdatigon de la informa retejo de UEA <http://www.esperanto.net/> kun materialoj pri Esperanto en 62 lingvoj. Tre populara fariĝis la paĝo de UEA en *Facebook* <http://www.facebook.com/Universala.Esperanto.Asocio>, kiu havas jam preskaŭ

2200 amikojn. Ĝis nun ĝin prizorgis la Centra Oficejo, kiu tamen esperas, ke ankaŭ estraranoj kaj komitatanoj pli aktive afiŝos en ĝi. Pri la vigla agado de UEA ĉe UN informas nova retejo <http://www.esperanto-un.org/>, kaj alia retejo <http://www.lingvaj-rajtoj.org/> – speciale pri la agado por lingvaj rajtoj.

Kvankam pasintjare UEA perdis multajn membrojn, la spezokonto de 2010 estas ekvilibra jam por la 5-a sinsekva jaro. La ĝisnuna evoluo indikas, ke la enspezoj kovros la elspezojn ankaŭ ĉi-jare. Pli problema povos esti la jaro 2012. Propono pri buĝeto por tiu jaro ankoraŭ ne pretas pro la malsano de la Ĝenerala Direktoro, sed la Estraro fidas, ke ankaŭ ĝi estos ekvilibra kun konservo de la nuna laborforto de CO. La Estraro aprobis ankaŭ du subvenciojn el la ĉi-jaraj rimedoj: 2500 eŭroj al ILEI kaj 700 eŭroj al Eŭropa Esperanto-Unio por agado ĉe la septembra Ekonomia Forumo en la pola Krynica.

Jam antaŭe la Estraro elektis komisionojn kaj komisiitojn por multaj taskoj kaj laborkampoj. Al ili aldoniĝis Informa Komisiono, kiu konsistas el Marek Blahuš (Ĉeĥio), Andrej Grigorjevskij (Rusio) kaj Francesco Maurelli (Italio/Britio), kaj komisiito por rilatoj kun Internacia Normiga Organizaĵo ISO kaj la terminologia informejo Infoterm, por kiu tasko oni elektis Mélanie Maradan (Svislando). En la Amerika Komisiono Alberto Calienes (Kubo) fariĝis kunordiganto anstataŭ Rubén Diaconu (Argentino).

En la dua tago de la kunsido de la Estraro de UEA ankaŭ tiu de ILEI komencis tritagan kunsidon en la Centra Oficejo. La samtempa ĉeesto de ambaŭ estraroj donis utilan okazon por interkonsiliĝi pri komunaj temoj. Post la fino de la kunsido de la Estraro de UEA Claude Nourmont, estrarano pri edukado, partoprenis kiel observanto la kunsidon de la ILEI-estraro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## JARLIBRO 2011 APERIS

Portreto de Marianne Vermaas malfermas Jarlibron 2011 de UEA, kiu aperis la 8-an de junio. Per tio la Asocio omaĝas la unuan direktoron de la Centra Oficejo en Roterdamo, ĉar en septembro ĉi-jare pasos 100 jaroj de post ŝia naskiĝo. Ankaŭ la antaŭparolo de la nuna direktoro Osmo Buller estas dediĉita al la datreveno de Vermaas.

Du trionoj de la 288-paĝa libro konsistas el la Delegita Reto kun la adresoj de 1673 delegitoj en 103 landoj. Kvankam la nombro de individuaj membroj de UEA grave malkreskis pasintjare kaj delegitoj perdas sian funkcion, se ili ĉesas esti membroj, la nova Jarlibro havas nur ses delegitojn malpli ol la pasintjara. Estas 52 ĉefdelegitoj, 951 lokaj delegitoj, 99 vicdelegitoj, 33 junularaj kaj 1275 fakaj delegitoj. Krome en Brazilo estas 5 regionaj delegitoj. La fakdelegitoj reprezentas preskaŭ 800 fakojn.

En la unua parto, eldonita ankaŭ aparte kiel Gvidlibro 2011, aperas adresoj k.a. informoj pri la organoj, instancoj kaj servoj de UEA kaj TEJO, pri landaj kaj fakaj asocioj, akademioj, edukaj kaj kulturaj instancoj, bibliotekoj, radioelsendoj kaj pri Esperanto en Interreto.

Fine de la Jarlibro troviĝas du rabatkuponoj de la Libroservo de UEA por tiuj,

kiuj faras mendojn per papera poŝto. Por retaj mendoj ne necesas uzi la kuponon. Membroj kun Gvidlibro aŭ Jarlibro rajtas dufoje jare mendi librojn k.a. varojn kun rabato 10%. Membroj en pli altaj kotizkategorioj rajtas je rabato ĉe ĉiu mendo.

Individuaj membroj povas profiti de la informa trezoro de la Jarlibro ankaŭ rete. Krom facila serĉebleco de delegitoj k.a. informoj, la Reta Jarlibro havas la avantaĝon, ke ĝi estas daŭre ĝisdatigata. Uzantoj de la Reta Jarlibro, kies kotizo rajtigas ricevi la revuon *Esperanto* aŭ *Kontakto*, povas legi ilin rete jam kiam ili estas presataj. Por ekuzi tiun servon necesas unue registriĝi ĉe <reto.uea.org>.

Kvar el kvin delegitoj estas atingeblaj retpoŝte. Unuafoje kelkaj delegitoj anoncis retadreson en Jarlibro 1994. En 1996 unu el dek delegitoj (10,3%) havis retadreson, en 2001 preskaŭ duono (48%) kaj en 2006 pli ol du trionoj (68,9%). La ĉi-jara Jarlibro indikas retadreson ĉe 1352 delegitoj (80,8%).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MALKRESKO DE LA MEMBRARO DEFIAS UEA

Laŭ la oficiala statistiko, aperinta en la aprila numero de la revuo *Esperanto*, la membraro de UEA grave malkreskis pasintjare. En 2010 estis entute 5288 individuaj membroj en 120 landoj, t.e. 425 membroj malpli ol en 2009. Kiel oni povis atendi, en la kongreslando Kubo la membraro kreskis plej multe (+111), sed tiun kreskon nuligis la malkresko en Pollando (-118), kiu gastigis UK en la antaŭa jaro. Rimarkindaj malkreskoj okazis ankaŭ en Rusio (-77), Francio (-64), Japanio (-36), Ĉeĥio (-34) kaj Germanio (-33). Francio plu estis la lando kun plej multe da individuaj membroj de UEA (547). Sur la dua loko same tradicie restis Germanio (506).

Malkreskis ankaŭ la nombro de aligitaj membroj, kiuj estas tiuj membroj de la landaj asocioj, kiuj ne estas individuaj membroj de UEA. Ilia nombro estis 10527 (-2078). La plej drastaj faloj estis en Hungario (-1440) kaj Francio (-363). La tuta membraro de UEA en 2010, t.e. individuaj kaj aligitaj membroj sume, nombris 15815 (-2503).

324 individuaj membroj estis malpli ol 30-jaraj. Sekve ili estis samtempe individuaj membroj de la junulara sekcio TEJO (-112). Krome 1734 el la aligitaj membroj estis malpli ol 30-jaraj (-171). Sekve TEJO havis entute 2058 membrojn (-283).

La revuo *Esperanto* havis pasintjare 3508 pagitajn abonojn (-257), kaj la revuo de TEJO *Kontakto* havis 597 (-138).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LABORA RILATO DE UEA KUN ISO DISVOLVIĜAS

La partopreno de Universala Esperanto-Asocio en la aktivaĵoj de la Internacia Organizaĵo por Normigado (ISO) komencis rimarkinde pliviglîĝi dank' al la nova komisiito Mélanie Maradan, kiu energie eklaboris tuj post sia nomumo en la aprila kunsido de la Estraro de UEA.

Jam ekde 1991 UEA havas oficialajn rilatojn kun la Teknika Komitato pri terminologio k.a. lingvaj kaj enhavaj datumoj de ISO. La 6-an de junio UEA mem-

briĝis ankaŭ en ĝia 2-a subkomitato pri terminografiaj kaj leksikografiaj labormetodoj. Ĝi okupiĝas pri la praktikaj aplikoj de teorioj, principoj kaj metodoj, precipe, kvankam ne nur, por terminologia laboro. Ĝiaj ĉeftemoj estas interalie terminografio, leksikografio, tradukado, interpretado kaj la internaciaj lingvokodoj, ekz. la dulitera kodo “eo” kaj la trilitera “epo” por Esperanto. Ĝis nun la subkomitato verkis 14 internaciajn normojn.

Ekde nun UEA oficiale rilatas al la subkomitato en la kategorio A, t.e. kiel organizaĵo, kiu aktive partoprenas la normigan laboron de la subkomitato. Reprezentanto de UEA rajtas libere vidi kaj komenti la projektojn de la subkomitato kaj nomumi spertulojn por partopreno en ties laborgrupoj kaj laborkomitatoj.

Pri la membriĝo de UEA povis voĉdoni ĉiuj 26 landaj normigaj institutoj, kiuj partoprenas en la subkomitato. Voĉdonis 18, ĉiuj por la akcepto de UEA: Belgio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Irlando, Japanio, Kanado, Kolombio, Nederlando, Korea PDR, Korea Resp., Norvegio, Rusio, Svedio, Sud-Afriko kaj Ukrainio. Neniu voĉdonis kontraŭ, dum 8 institutoj ne partoprenis en la voĉdonado (Aŭstrio, Britio, Finnlando, Kroatio, Irano, Meksiko, Pollando kaj Usono).

Verŝajne jam baldaŭ UEA membriĝos ankaŭ en la tri aliaj subkomitatoj de la Teknika Komitato. Ili estas subkomitato 1 pri principoj kaj kunordigado, subkomitato 3 pri sistemoj por administrado de terminologio, scio kaj enhavo, kaj subkomitato 4 pri administrado de lingvodatumoj.

La strukturo de la Teknika Komitato kaj de ĝiaj subkomitatoj povas esti malfacile travidebla al neinformitoj, sed en la 96-a UK en Kopenhago interesitaj kongresanoj havos okazon ekkoni ĝin el prelego en la Terminologia Forumo. Ĝeneralaj informoj estas legeblaj en Vikipedio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## DATOJ DE LA HANOJA UK

La Kongresa Fako de UEA fiksis la datojn de la 97-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en la vjetnama ĉefurbo Hanojo. La 97-a UK disvolviĝos de la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 2012.

La definitivigo de la datoj dependis de la elekto de kongresejoj, kiu povis okazi post la laborvizito de la Konstanta Kongresa Sekretario Clay Magalhães al Hanojo fine de aprilo. La ĉefa parto de la kongresa programo okazos en la hotelo Meliá. La ejo de la inaŭguro kaj aliaj programeroj, en kiuj samtempe partoprenos la tuta kongresanaro, estos la Palaco de Kulturo. Ĝi troviĝas en piedira proksimeco de la hoteloj, kiujn UEA ofertos al la kongresanoj.

La preparlaboroj fare de la Loka Kongresa Komitato progresas glate kaj kun granda entuziasmo, konstatis Clay Magalhães dum sia vizito. Li konatiĝis i.a. kun eblaj kongresejoj kaj kun loĝigaj eblecoj. Li ankaŭ partoprenis en kunsido de LKK kaj pasigis multan tempon por konsultigi ĝiajn membrojn pri plej diversaj organizaj detaloj. KKS vizitis ankaŭ la infanĝardenon, kie okazos la 43-a Internacia Infana Kongreseto kaj kies direktorino estas aktiva esperantisto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA MEMBRIĜIS EN INFOTERM

La 10-an de majo Universala Esperanto-Asocio subskribis interkonsenton pri kunagado kun *Infoterm*, la Internacia Informejo por Terminologio. Per tio UEA fariĝis membro de Infoterm, fondita en 1971 per kontrakto inter Unesko kaj Aŭstria Normiga Instituto (ASI). *Infoterm* celas i.a. interŝanĝi informojn, subteni kaj kunagadi por projektoj, renkontiĝoj, eldonaĵoj ktp., ĉefe en la kampo de terminologio.

*Infoterm* devenas el la terminologia esplorcentro, kiun fondis kaj longe prizorgis Eugen Wüster, esperantisto kaj fondinto de la moderna terminologia scienco. *Infoterm* funkcias ankaŭ kiel sekretariejo de la Teknika Komitato TC37 de Internacia Organizaĵo por Normigado (ISO), kun kiu UEA havas oficialajn rilatojn jam ekde 1991.

Pri la rilatoj de UEA kun *Infoterm* kaj la Teknika Komitato TC37 de ISO respondecas nova komisiito, Mélanie Maradan el Svislando. La Estraro de UEA nomumis ŝin por tiu funkcio en sia aprila kunsido.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## JUDA NAJBARO

Usona judo aĉetis terenon tuj apud tre luksa vilaego de iu fama nejuda miliardulo, konata kiel antisemito.

La judo konstruigis tie vilaon, tre similan al tiu de la miliardulo. Krome li konstruigis ĝardenon, naĝbasenon, tenisejon kaj golfejon, ege similajn al tiuj de lia najbaro.

Iutage la miliardulo renkontis sian novan najbaron kaj diris al li:

– S-ro Cohen, nun, kiam vi havas ĉion kion mi havas, ĉu vi sentas vin kiel mi?

– Mi sentas min multe pli bone.

– Kiel tio povas esti?

– Mi ne havas judan najbaron!

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

## 1362 ALIĜIS AL KOPENHAGO

Ĝis la 14-a de junio entute 1362 kongresanoj el 67 landoj aliĝis al la 96-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en la dana ĉefurbo Kopenhago de la 23-a ĝis la 30-a de julio. Sekve iom pli ol du monatojn antaŭ UK la nombro de aliĝintoj jam superas la definitivan nombron de la pasintjara UK en Havano (1002) kaj tiun de la antaŭa UK en Kopenhago en 1975 (1227).

Plej multe da aliĝoj venis el Francio (173). Pli ol 100 aliĝintojn liveris ankaŭ Germanio (136), kaj tiun limon atingis ankaŭ Japanio, de kiu estas 100 aliĝintoj. La gastiganta lando reprezentiĝas per 87 aliĝoj. Aliaj landoj kun pli ol 20 aliĝintoj estas Pollando (69), Nederlando (59), Brazilo (58), Rusio (56), Italio (55), Svedio (51), Hungario (43), Belgio (41), Finnlando (30), Usono (29), Litovio (28), Britio (27), Norvegio (25), Svislando (24) kaj Hispanio (21).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MALFERMA TAGO OMAĜIS ERASMON KAJ MORARIU

La 34-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, kiu okazis la 14-an de majo, allogis 70 vizitantojn el 14 landoj. Ĝia programo estis grandparte dediĉita al

la 500-a datreveno de la apero de *Laŭdo de l'stulteco*, la plej fama verko de la plej fama roterdamano, Erasmo. Ĝeneralan enkondukon al la vivo, verkaro kaj signifo de la granda humanisto faris per sia prelego d-rino Věra Barandovská-Frank. La tradukinto de *Laŭdo de l' stulteco*, akademiano Gerrit Berveling faris du prelegojn. En la unua li parolis pri tiu ĉefverko de Erasmo, kaj en la dua – precipe pri lia labormaniero. Berveling ankaŭ surprizis la publikon per lanĉo de sia nova esperantigo el Erasmo, *Antaŭparoloj al la Nova Testamento*.

En la Malferma Tago estis publkigita ankaŭ alia nova libro, *Stelsemantoj en la ora nordo* de Katalin Kováts. Ĉar la aŭtorino lanĉis la libron samtempe en Stokholmo, en Roterdamo ŝin anstataŭis la libroservisto Ionel Oneț, kiu prelegis pri la protagonisto de la libro, la fama rumana Cseh-metoda instruisto Tiberio Morariu. La plej grandan parton de sia vivo Morariu vivis en Svedio, pro kio la aŭtora lanĉo konvene okazis en la Sveda Esperanto-Kongreso.

Kiel kutime, en la programo estis ankaŭ multaj filmprezentoj. La libroservo kaj bazaro de esperantaĵoj estis vigle vizitataj. La vendoj sumiĝis je 1710 eŭroj. Nature la plej furoraj libroj estis *Laŭdo de l' stulteco* kaj *Antaŭparoloj al la Nova Testamento* de Erasmo kaj *Stelsemantoj en la ora nordo* de Katalin Kováts.

La sekva Malferma Tago okazos la 26-an de novembro 2011. Jam decidita estas ankaŭ la dato de la 36-a Malferma Tago: la 28-an de aprilo 2012 oni prifestos la 50-jariĝon de la domo en Rotterdam, Nieuwe Binnenweg 176 kiel la sidejo de la Centra Oficejo .

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ REU-MEMBROJ POR 2011

**MECENATO**

*Jarutkin Igorj (Ĉeboksari)*

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Kopajev Jurij (Orjola reg.), Simonov Igorj (Niĵnij Novgorod), Ŝapovalov Oleg (Volgograd)*

**ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ**

**Esperanto-klubo "EK MASI" (Moskvo)** (+ 4 membroj): *Basov Gennadij, Ŝtondina Anna, Zatulov Sergej, Zatulova Marija*

**EK "Esperanto" (Jelec)** (+ 1 membro): *Nekrasov Maksim*

***Plena aktuala listo*** de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/membrolisto/>.

*REU ricevis monan donacon de Tatjana Klementjeva el Lisjva – 1259 rublojn. Koran dankegon al Tatjana pro subteno de la Unio!*

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2011

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

**Individua kotizo** – 200 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 20 eŭroj) ĝis la 28-a de februaro 2011, 250 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 25 eŭroj) ekde la 01-a de marto 2011; inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.

**Mecenata kotizo** – 500 rub.; inkluzivas ĉion la saman kiel por la individua kotizo, krom unu escepto: sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".

**Dumviva kotizo** – 5000 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 500 eŭroj); inkluzivas ĉion la saman kiel por la individua kotizo dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 100 rub.; inkluzivas la membrokarton, voĉdonrajton en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj.

**Kolektiva membrokotizo** – 70 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj); inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por kluboj kun 5-15 aligitaj membroj kaj por ĉiu aldona deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 300 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi al REU.

**Amiko de REU** – senpage; inkluzivas partoprenrajton (sen voĉdonrajto) en Konferenco de REU, Bultenon de REU en elektronika formo kaj aliajn informojn. Oni rajtas aliĝi kiel "Amiko de REU" nur unufoje. Persono, sin anoncanta "Amiko de REU", devas plenigi aliĝilon kaj mencii sian retadreson.

**Rabatita abono de REGo** – 400 rub. (ekster Rusio – 20 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilojn, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo sendu (poŝtmandate) al: ***142717, Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой***; eblas ankaŭ pagi per la sistemo **Yandex-denjgi**, numero de la "monujo" estas ***41001612527392***. La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.

# Eksciu, ke...

## TUTPOLLANDA ESPERANTO-KONGRESO

Tutpollanda Esperanto-Kongreso okazis en intermontara urbo Nowy Sacz, 100 km sud-oriente de Krakovo, dum la periodo de la 30-a de aprilo ĝis la 7-a de majo 2011. La lastan tagon oni uzis por Ĝenerala Kunsido de PEA-delegitoj, kiuj liberigis la ĝisnunan Ĉefan Estraron de PEA el taskoj, elektante la novan teamon por estri la Asocion dum la periodo 2011 – 2014.

Partoprenis TEK-on 169 personoj, kvankam multaj el ili nur parte, ne havante sufiĉe longan liberan tempon. Por ĉeesti en la sabata Ĝenerala Kunsido alvenis ankaŭ 27 Delegitoj, inter ili kelkaj pli frue partoprenis jam TEK-on.

La Kongreso en Nowy Sacz estis okazo por festi eĉ 3 lokajn jubileojn: 105 jarojn de Esperanto en la urbo (oni skribis en tiama urba gazeto en 1906, ke aperis "experantistoj" en Nowy Sacz), 105 jarojn de la historio de la asocia gazeto "Pola Esperantisto", kiu jam pli ol 3 jarojn estas redaktata kaj presata en Nowy Sacz, kaj 55 jarojn de revivigo de la Esperanto-Klubo post la dua mondmilito.Tiom da jubileoj malofte aperas kune, do estis decidite, ke la Kongreso devas esti vere enhavoriĉa kaj diverstema laŭ programo, tre solene festata en la loka medio kaj diskonigata per amaskomunikiloj.

La prelegprogramojn gvidis la plej meritaj personoj de la pola Esperanto-movado: Ilona Koutny, Zbigniew Galor, Lidia Ligeza, Roman Dobrzynski, Tomasz Chmielik, kaj eksterlandaj gastoj: Zsofia Korody, Zlatko Tiŝljar, Petro Balaŝ. Ili realigis temojn pri edukado, instruado, informado, monakirado, partnereca kunlaboro internacia kaj interregiona, pri propagando eksteren. Eĉ trifoje oni elektis la temon pri la rolo de filmoj por Esperanto – dum la programeroj de Roman Dobrzynski, Przemek Wierzbowski, Andrzej Sochacki. Pri uzo de modernaj iloj por informado, varbado, instruado kaj ĝenerale en la Esperanto-agado instruis nin Petro Balaŝ, konsilojn pri gvidado de Esperantaj-kursoj, kreado de gazetartikoloj priparolis Stano Marĉek, kaj Zlatko Tiŝljar rakontis pri novaj partneraj projektoj de financado por Esperantaj organizaĵoj kaj – antaŭ la granda manifestacio kun kantado de Eŭropa Himno – li prelegis pri la ideo de himno en neŭtrala lingvo, kaj el la granda ekrano salutis nin kaj deziris sukceson (en du lingvoj – pola kaj Esperanto) eŭrodelegitino Margareta Handzlik, senpere el Eŭropa Parlamento.

Okazis manifestacio sur la centra urba placo ĉe la urbodomo, kien venis korusoj kaj soldata orkestro, reprezentanta Karpatan Grupon de Landlimaj Gardistoj. Salutis nin la Urbestro Bozena Jawor kaj nome de EEU – Zlatko Tiŝljar. Junularo el liceoj kun flagoj de uniaj landoj montris dum la spektaklo naskiĝon de 12 oraj eŭropaj steloj. Korusoj kantis Himnon de Eŭropo en Esperanto (laŭ la vortoj de Umberto Brocatelli) kaj pole. Tia estis nia festado de Tago de Eŭropo kaj prapremiero de publika prezentado de Eŭropa Himno en neŭtrala lingvo.

Memoru – tio okazis en Pollando, en la urbo Nowy Sacz, kaj la evento heroldis alvenon de Civitana Iniciato, kion oni oficialigos en januaro 2012, kiam validiĝos la Lisbona Traktato: ni komencos kolekti 1000000 subskribojn en 7 eŭropaj landoj, por igi novan kutimon: kanti la himnon en neŭtrala, justa lingvo, la plej taŭga al tiu ĉi celo!

La Kongreso allogis ankaŭ eksterlandajn artistojn, kiel Manuel Rovere kantanta "Duonvoĉe... tutkore" kun prezento de sia disko, per kio li kolektas monon por organizo "Evidente", prizorganta blindajn infanojn en Afriko, kaj la publikon dancigis dum sia koncerto – kiel ĉiam – JoMo.

Polajn artistojn reprezentis Joanna A. Clifford, memorigante la repertuaron de Ada Sari el UK en 1912 en Krakovo kaj donante recitalon de klasika muziko kun orgena akompano, kaj Anna Buda kun operetaj kaj muzikalaj kantoj kun ensemblo "Romantikaj".

Rememorojn kunportis ankaŭ varsovianoj, kiuj venis kun registritaj programeroj de malnovaj recitaloj de fama en la 70-80-aj jaroj kanta dueto "Konsonanco" sub gvido de Remigiusz Kossakowski. Vizitis nin ĝia kantistino Leokadia Rizik, kaj prezentadon faris Jeremiasz Ratajczak.

Valoraj kaj altnivelaj estis la programo poezia kaj teatra fare de Lidia Ligeza pri Magio de Amo, de Krystyna Dulak-Kulej prezentanta nove eldonitan libron kun propraj kaj tradukitaj poemoj dulingve montritaj. Majstre preparis la spektaklon "Ludoviko Lazaro" Jerzy Handzlik, kaj pollingve prezentis la monodramon de Carlo Migliucci "Doktor Esperanto" Helena Biskup.

La plej grava arta atingo de TEK iĝis la premiera spektaklo de "Roma Triptiko", preparita de Poezia Scenejo de la Teatro aganta ĉe Urba Kulturcentro: reĝisoro de la spektaklo Janusz Michalik estis ankaŭ artisto, kaj la alta nivelo de artistoj, belege deklamataj la filozofian poezion de la beata Johano Paŭlo la Dua en bela fono de freskoj de Michelangelo kaj kun akompano de kamerala muziko de ensemblo "Sonatina" donis eksterordinaran, kortuŝan etoson kaj esperigas, ke povos naskiĝi en Esperantujo novaj, profesiaj kaj altnivelaj kulturaj eventoj.

Ludis por la kongresanoj granda simfonia orkestro kun solaj kaj duetaj kantistoj, al la Urbodomo invitis nin la Urbestro por partopreni Koncerton kadre de Festivalo de Eltrovita muziko kaj ĝui regalon per jubilea, grandega torto por 200 personoj.

La Urba Kulturcentro ne nur estis tre komforta kaj gastama Kongresejo, kiu dum la semajno disponigis la tutan konstruaĵon kun multaj preleg-konferencĉambroj, scenejoj granda kaj malgranda, vestibloj ktp. Sed ne nur tia estis ilia kunlaboro: ili dum monatoj preparis agantajn tie 6 ensemblojn infanajn kaj junularajn al Kongresa programo. Konsultanto de la teatra programo estis Jolanta Kieres, la kantado estis mia propra zorgo, kies rezulto iĝis la esperantlingva repertuaro el "Brathanki" (tradukita de Danuta Kowalska), kantita de junaj knabinoj, "Guantanamera" kaj aliaj ŝatataj de esperantistoj kantoj. La plej junaĝaj infanoj prezentis kortuŝe "La Etan Princon"...

Folklora ensemblo "Sadeczanie" dancis kun Kongresanoj post spektaklo, oniregalis partoprenantojn jam de la unua tago: Interkona Vespero, poste akcepto ĉe la

Urbestro, poste invito al regiona bankedo de Estro de Distrikto, fine la kradrostado ĉe fajrujo kampara...

La kongreso estis egalnivela por ĉiuj, oni ne dividis la homojn, invitante nur riĉulojn al la akceptoj aŭ bankedoj. Ĝi povus esti modelo de egaleco por UK-oj.

Finante mi citos la Kongresan temon: "***Civitana aktiveco de esperantistoj***". Per tiu ĉi Kongreso ni konfirmis kiom grava estas ekstera agado de esperantistoj, partopreno de ili en la socia vivo de loka loĝantaro, "arto labori kune" (bv pardoni la ŝtelon de la titolo), sed la arto povas esti realigata je diversaj niveloj kaj kampoj.

Tial ni ricevas subtenon kaj komprenon de niaj agoj de la loka registaro kaj sociaro, tial dum la tuta semajno, kaj eĉ poste, oni skribis, parolis, fotis, filmis la E-movadon... Pro tio TEK okazis en nia gastigema urbo.

***Halina Komar (Pollando)***

## "PORTRETA GALERIO DE URALAJ KAJ SIBERIAJ ESPERANTISTOJ"

Ankoraŭ vintre, kiam ni ekpensis pri la temo kaj enhavo de estonta "EsPrimo-7", naskiĝis tre alloga kaj aktuala ideo krei "Portretan galerion de uralaj kaj siberiaj esperantistoj", en kiu, sendepende de la aĝo kaj nivelo de lingvokono, ĉiu esperantisto de la urala kaj siberia teritorioj povus prezenti sian esperantistan, lingvan kaj movadan, biografiojn. La ideo estis sistemigita de la organiza teamo ĝis realigebla kadro kaj anoncita en la regiona E-dissendolisto kaj en la ural-siberia E-paĝaro. Tiuecele estis anticipe proponita speciala demandaro por kontribuontoj al la projekto (vidi ĉiujn materialojn ĉe <http://www.ural-sib.org/eo/esprimo/esprimo-7/projekto-portreta-galerio-de-uralaj-kaj-siberiaj-esperantistoj>).

Dum la tuta preparperiodo de "EsPrimo-7" ni senĉese strebis progresigi la aferon, kolektante perrete la kontribuaĵojn, presante la "portretojn" kun la apudaj tekstoj, respegulantaj la individuajn E-evoluvojojn, kaj fine dum la regiona printempa renkontiĝo ni sukcesis pli ol 20 portretojn de uralaj kaj siberiaj esperantistoj disloki por ĉies atento sur la muroj de la kunvensalono en Toboljsk. En la unua tago de la renkontiĝo okazis enprogramita pre-



zentado de la projekto por la kunvenintoj. Enkadre de tiu prezentado estis ankaŭ rakonto pri Vladimir Izosimov, forpasinta esperantista aktivulo el Tjumenj. La rakonton preparis kaj faris V.Opletajev, kiun ni dankas ne nur pro lia kontribuo por la "galerio" per



sia propra "portreto", sed ankaŭ pro la kolekto de la bezonata materialo por kompili ankaŭ "portreton" de V.Izosimov.

Nin ĝojigis multaj pozitivaj pritaksoj de la partoprenintoj de "EsPrimo-7" pri la projekto "Portreta galerio…". Sed necesas diri, ke eblas opinii tiun prezentadon nur pozitiva starto, favora komenco de la amlpeksa labordirekto plu daŭrigenda. Kaj tio ne estas tasko por malmultaj personoj, sed por ĉiuj Esperanto-kluboj kaj E-grupoj de la regiono kaj ankaŭ por E-unuopuloj. Ja estas tre grave, ke la projekto samtempe celas kaj kolekti datuman bazon pri esperantistoj de la orienta agadzono, kaj plifirmigi intergeneraciajn rilatojn, kaj konservi la historion de E-movado en nia ural-siberia regiono. Tial ni plu atendas kontribuojn, kiuj povos riĉigi nian "galerion", kaj esperas komenci baldaŭ krei ankaŭ ĝian retan version.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

## 34-A ESPERANTOLOGIA KONFERENCO EN KOPENHAGO

Esperantologia Konferenco estas jam tradicia programero de la Universala Kongreso de Esperanto. Ĝin organizas la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED), kaj ĝi eniris la kongresan programon unuafoje en Varno en 1978. Ĝian 34-an sesion en Kopenhago la 27-an de julio gvidos d-ro Detlev Blanke.

Jens Stengaard Larsen prelegos pri la danaj lingvistoj kaj interlingvistoj Rasmus Rask kaj Otto Jespersen, dum prof. Christer Kiselman parolos pri la dana sempatologo kaj esperantologo Paul Neergaard. La prelego de prof. Davide Astori temos pri la unua itala esperantisto kaj interlingvisto Daniele Marignoni. Krome, Otto Prytz pritraktos "fenditajn frazojn" kaj Marek Blahuš prezentos la ciferecan prilaboron de la Zamenhofaj adresaroj. Post ĉiu prelego estos diskuto, kaj la prelegotekstoj estos poste publikigitaj presforme.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LINGVA FESTIVALO EN PETERBURGO

La 17-an de aprilo sukcese okazis la 5-a lingva festivalo en Peterburgo. Ĝi logis 250-300 partoprenantojn al siaj 59 eventoj (el kiuj la anoncitaj prezentoj de la hebrea kaj de la ajnua lingvoj bedaŭrinde ne okazis). Belan kontribuon al la programo faris moskvanoj Svetozar Laŝin kaj Anton Somin, prelegis ankaŭ kievano Artjom Fedorinĉik, kiu ankaŭ trafe kaj netrude reklamis la kievan IJK-on dum la ferma ceremonio. Impresojn kaj fotojn eblas trovi krom la oficiala paĝaro <http://festivalo.ru> ankaŭ en la blogoj: <http://glazami-fomy.livejournal.com/128977.html>, <http://amikeco.ru/2011/04/v.html>, <http://tanma.livejournal.com/44742.html>, <http://osennee-solnce.livejournal.com/54713.html>.

***Vjaĉeslav Ivanov (Sankt-Peterburg)***

## DE ZAMENHOF ĜIS LA ĈIELO EN LA 64-A IKU

21 universitatanoj kaj aliaj fakuloj proponis prelegojn por la 64-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato, kiu okazos dum la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago (23-30 julio 2011). Tio estas pli ol duoblo de la naŭ prelegoj, kiuj konsistigos la programon de IKU. La proponoj estis prijuĝitaj de la Komisiono pri IKU, surbaze de kies rekomendo la Estraro de UEA faris la finan decidon. Jam pli frue la Estraro elektis prof. Christer Kiselman kiel la rektoron de la 64-a IKU.

En Kopenhago okazos naŭ IKU-prelegoj:

Davide Asorti: *La Zamenhofa revo inter lingvistiko kaj religio*;

Věra Barandovská: *Interlingvistika dialogo ĉe Otto Jespersen*;

Eva Bojaĝieva: *Oksigeno, utila kaj danĝera por la homo*;

Erik Høg: *La profundo de la ĉielo – kredo kaj scio dum 2500 jaroj*;

Hidenori Kadoja: *La vikinga epoko, naciismo kaj historiografio*;

Jacob Nordfalk: *Maŝintradukado*;

Tsvi Sadan: *La reviviĝo de la hebrea sen mitoj*;

José Antonio Vergara: *HIV-aidoso kiel minaco al la tutmonda junularo: bezono je pli justa mondo*;

Amri Wandel: *Astrobiologio kaj la 50-jara serĉado de ekstertera inteligenteco*.

La prelegoj de Eva Bojaĝieva, Tsvi Sadan kaj Amri Wandel estos samtempe kursoj de Akademio Internacia de la Sciencoj. La dumkongresaj AIS-kursoj konsistas el tri prelegoj, el kiuj la IKU-prelego estos la unua, sekvota de du daŭrigaj prelegoj por pli profunda traktado de la temo. La kunlaboro inter IKU kaj AIS komenciĝis en 1995.

La prelegotekstoj aperos en la t.n. IKU-libro, lanĉota en UK. Kelkaj antaŭaj volumoj estas ankoraŭ haveblaj ĉe la Libroservo de UEA. Pluraj IKU-libroj estas konsulteblaj en la IKU-sekcio de la kongresa retejo de UEA, kie baldaŭ aperos ankaŭ la resumoj de la Kopenhagaj prelegoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KOMUNIKO PRI LA EKZAMENOJ

La ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER) fariĝas pli kaj pli konataj kaj popularaj inter la Esperanto-parolantoj. La nombro de ekzameniĝantoj de tiuj novtipaj ekzamenoj de UEA kaj ITK (Ŝtata Lingvoekzamena Centro en Hungario) proksimiĝas al 300. Estas ĝojige, ke multaj movadaj gvidantoj, i.a. funkciuloj de UEA, jam trapasis ilin kaj fariĝis instigantoj al aliaj kandidatoj.

Por klarigi la kunlaboron inter UEA kaj ITK kaj la rilatojn al ALTE (Asocio de Lingvo-Testistoj en Eŭropo), UEA kaj ITK prezentas la ĉi-suban komunikon faritan en la hungara kaj Esperanto. En ambaŭ lingvoj la komuniko estas legebla en la retejo de ITK <http://itk.hu/index.php?id=362&fomenu=362&lang=ept>.

**Komuniko**

Universala Esperanto-Asocio (UEA) estas ekskluziva internacia partnero de la Supera Fremdlingva Trejnejo (Hungara Ŝtata Lingvoekzamena Centro) de la Universitato Eötvös Loránd (ELTE-ITK) en la tereno de Esperanto-ekzamenado.

En 2009 la du institucioj subskribis kunlaborkontrakton, laŭ kiu ELTE-ITK trejnas kaj regule pluklerigas ekzamenantojn proponitajn de UEA, kiuj post sukcesa trejnado ricevas rajton esti ekzamenantoj en la parola parto de unulingvaj Origo-tipaj ekzamenoj de ELTE-ITK, organizitaj en ekzamenlokoj prideciditaj de UEA kaj aprobitaj de ELTE-ITK. La tri niveloj (B1, B2 kaj C1) kaj la strukturoj de la unulingvaj Origo-ekzamenoj estas komplete identaj kun la unulingva ekzameno de la hungara, kiun ALTE-revizoroj ekspertizis en 2008. La komuna celo de ELTE-ITK kaj UEA estas submeti en la unulingva Origo-ekzamensistemo ankaŭ la Esperanto-lingvoekzamenojn al ekspertizado far ALTE.

***Supera Fremdlingva Trejnejo de ELTE – Universala Esperanto-Asocio***

> En 1933 en Germanio en vagonaro inter du germanoj sidis judo.
> Subite unu el la germanoj demandis la judon: “Diru al mi, ĉu vi estas bandito aŭ malsaĝulo?”
> Respondis la saĝa judo: “Mi estas io inter tiuj du”.
> ***juda humuraĵo de Josef Shemer***

* * *

Por konatiĝi kun la postuloj de la KER-ekzamenoj kaj por aliĝi al konvena ekzamensesio vidu: <http://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## RESUMO DE DECIDOJ DE LA ESTRARKUNSIDO DE ILEI

***(Roterdamo, 16-18 aprilo, 2011)***

La estraro de ILEI, en ĉeesto de 5 el la 6 nuntempaj estraranoj:

Aprobis la starigon de multlingva retejo por ILEI, ene de la limoj de la nunjara buĝeto. La retejo komence havos provperiodon antaŭ la publika lanĉo. La nova kaj la nuna retejoj ekzistos paralele, ĉar ili celas malsamajn publikojn.

Decidis, ke la Konferenco en 2012 okazos en Ĉinio, surbaze de la sola ricevita invito. Tiu propono skizis eblojn en kvar urboj, el kiuj du estas preferataj: Xian en

Shanxi-provinco kaj Kunming en Yunnan-provinco. ILEI kunlaboros kun la ĉina sekcio por elekti ĝis la fino de majo la urbon kaj la datojn (depende de findecido pri la datoj de la 97-a UK). Tiel ni aperigos bazajn informojn, kotizojn kaj aliĝilon antaŭ Kopenhago.

Konfirmis financan apogon el la Afrika Kaso de ILEI por la aprila seminario kaj ekzamensesio en Rumonge, Burundo, por mildigi la kostojn por partoprenantoj.

Konfirmis financan apogon por nun okazanta evento en Kinshaso, DR Kongo, kadre de la jara disponigo de UEA por edukaj agadoj.

Konfirmis, laŭ la sama bazo, financajn rimedojn por postsekvi la rezultojn el la konferenco kaj seminario en Matanzas; praktike tiu apogo transiros al edukaj agadoj kadre de la Tut-Amerika Kongreso de Esperanto (TAKE) okazonta en San-Paŭlo en julio 2011.

Konfirmis sammaniere subtenon por la trijara kursaro pri interlingvistiko en la Universitato Adam Mickiewicz en Poznano; egalaj kontribuoj de UEA kaj ILEI permesas la anoncadon de kvar stipendioj po 250 eŭroj.

Fortigis la eblojn liveri altkvalitan simpozion kadre de la 44-a ILEI-konferenco, kunlabore kun la Universitato de Kopenhago kaj Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED), pere de disponigo de mil-eŭra subteno de UEA.

Formulis manieron liveri membrokartojn al tiuj sekcioj aŭ personoj, kiuj deziras tion, kun minimumaj plusaj kostoj aŭ labordevoj je la internacia nivelo.

Decidis limigi la apogon por membrigo de personoj per la Koleghelpa Kaso al la jam deciditaj 25 ricevantoj; la plia dudeko da dezirantoj eniru atendovicon, esperante je pozitiva reago al refoje farota alvoko por apogo.

Konsentis inaŭguri retan anoncadon de anstataŭantoj por la komitataj kunsidoj en Kopenhago, kondiĉe, ke la anstataŭanto kunportu subskribitan paperan version de la rajtigilo al la konferenco.

Fiksis temon por la Tago de la Lernejo en Kopenhago: Edukado al Interkompreno.

Konsentas peti al la elekto-komisiono serĉi kandidatojn por la vaka sekretaria loko, cele al elektiĝo en Kopenhago, kaj anoncas novan laŭofican retadreson por atingi la sekretarion de ILEI, evitante la neceson uzi privatan adreson. La adreso estas: <ilei.sekretario@gmail.com>.

Intertempe tiu adreso gvidas al laborteamo bazita en Herzberg, kiu plenumas la sekretariajn laborojn.

La estraro plie trastudis provizoran finkalkulon de la kontoj 2010, fiksis proponojn por influi buĝeton 2012, kreotan oktobre. Aliĝoj al Kopenhago atingis 54. La deklarita membronombro por 2011 estis sumigita kaj atingas ĉ. 500 – do longa vojo por preteriri la 755 el la pasinta jaro – seso da landoj devas ankoraŭ sendi membrolistojn. Abonoj al "Juna amiko" proksimiĝas al 400 – do pliaj restas sopirataj!

La kunsidado en ambaŭ estraroj (UEA kaj ILEI) disvolviĝis en pozitiva etoso, kiel ankaŭ la kunlaboro inter la du organizoj.

***Stefan MacGill, Prezidanto de ILEI***

## VORTAROJ PLENAJ KAJ NE TRE

*M. Duc Goninaz. Moskvo, 1957*

Ne eblas imagi esperantiston, kiu ne malfermis por legado almenaŭ unu fojon dum sia esperantista vivo iun Esperanto-vortaron. La plej rekonataj inter esperantistoj estas tiel nomataj “Plenaj” vortaroj, la lasta el kiuj, “La nova Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto” (NPIV), unuafoje aperis ĉe Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) en 2002. La ĝenerala gvidanto de la nova eldono estas emerita docento de Universitato de Provenco, membro de la Akademio de Esperanto *Michel Duc Goninaz*. Tiu, la plej nova kaj la plej plena vortaro siavice estas reviziita daŭrigo de “Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto” (PIV), kiun SAT eldonis en Parizo en 1970. La ĉefredaktoro de la eldono estis prof. *Gaston Waringhien*. Siavice, la eldono de la jaro 1970 sin apogis sur la “Plena Vortaro de Esperanto” (PV) de prof. *Emile Grosjean-Maupin*, eldonita de sama SAT en 1933 en Parizo. La lastaj du vortaroj estis plurfoje reeldonitaj, kio montras ilian neordinaran popularecon en la tuta mondo; aperis la dua eldono de NPIV.

Kutime, esperantistojn kontentigas informoj pri ekzisto de tiuj tri vortaroj, kvazaŭ la unua PV aperis el aero sen prahistorio. En tiu konduto de esperantistoj estas racia semo, ĉar PV estas *la unua moderna* vortaro, sen problemoj uzata de esperantistoj ĝis nun. Tamen estas malfacile imagi, ke E.Grosjean-Maupin ne aplikis en sia laboro sperton de pluraj leksikografiaj pioniroj. Kiam kaj pro kio en la titoloj de tri vortaroj aperis la vorto “Plena”? Kiuj pravortaroj kaj iliaj aŭtoroj grave influis al la verko de Emile Grosjean-Maupin? Jen estas nur kelkaj el probablaj supozoj.

1. En Diĵono, la 3-an de Julio 1909, la unua Prezidanto de ĵus fondita (1908) Akademio de Esperanto, Rektoro de la Diĵona Universitato *Emile Boirac*, skribas antaŭparolon al sia granda verko “Plena Vortaro Esperanto=Esperanta kaj Esperanto=Franca”, kiu baldaŭ aperas ĉe la fama pariza eldonejo *Hachette*.

2. La sama eldonejo *Hachette* en la jaro 1910 aperigas “Enciklopedian Vortareton esperantan”, verkitan de *Charles Verax*. Priskribo de la titola paĝo estas jena: “★Esperanto★. | Teknika kolekto | Enciklopedia Vortareto esperanta | Kun klarigoj



*Prof. G.Waringhien kun la manuskripto de PIV, antaŭ ol transdoni ĝin al la eldonisto (julio 1966). Foto el: "Esperanto en perspektivo", UEA, 1974*

en Esperanto kaj franca traduko | verkita de | Ch. Verax | Kun la kontrolo de Specialistoj. | Paris | Librairie Hachette et $C^{ie}$ | 1910 | Tous droits réservés. | Copyright 1910 by Hachette and $C^{o}$".

3. En la jaro 1919 la pariza *Librejo Hachette* vendis plenan stokon de Esperanto-libroj kun la eldonrajtoj al fondita en Parizo anonima Societo kun varieblaj kapitalo kaj membraro – "Esperantista Centra Librejo". Ĝi produktis librojn, unu el kiuj, aperinta en la jaro 1922 estis "Vortaro de Esperanto" de Kabe (Kazimierz Bein). Kabe estis unu el la plej elstaraj esperantistoj de tiu epoko, talenta tradukisto kun lingvaĵo pura, klara, simpla, vere eleganta, libera de ĉiu naciismo, kies granda merito estas en evoluo de la Esperanta prozo-stilo, proksimume tiel skribas pri li K.Kalocsaj en "Enciklopedio de Esperanto". Inter la plej konataj tradukoj de Kabe estas *Pola antologio*, *Elektitaj fabeloj* de Fratoj Grimm, *Versaĵoj en Prozo* kaj *Patroj kaj Filoj* de I.Turgenev, kaj, kompreneble, la trivoluma traduko de *La Faraono* de Prus.

Kiom grave influis tiuj tri vortaroj al la mejloŝtona verko de E.Grosjean-Maupin, fariĝas pli klare, se analizi la suban komparan tabelon.

| Boirac (1909) | Verax (1910) | Kabe (1922) | Grosjean-Maupin (1933) |
|---|---|---|---|
| **Abak'o** \| (arkit.) surkapitela tabulo en kolono. \| *abaque.* | **Abako** (Ark.) *abaque*, supra parto de kolona kapitelo. **Abako** (Mat.) *abaque*, – **1**, speco de kalkulilo tre simpla konsistanta el aroj da globetoj trairitaj de stangeto; – **2**, geometria desegno, kiun oni uzas, por anstataŭi kalkulon en la solvo de kelkaj matematikaj problemoj (R.). | | **abako. 1** Supera plata parto de kolona kapitelo. **2** Δ Speco de kalkulilo, konsistanta ĉefe el buletoj ŝoveblaj sur stangetoj. **3** Δ Geometria desegno, uzata por anstataŭi kalkulon en la solvo de kelkaj matematikaj problemoj. |

| | | | |
|---|---|---|---|
| **ABAT'O** \| monakejestro † Fr. simpla pastro; – **ino, eco, ejo.** AFGHIR. \| *abbé.* | | **Abato.** Ĉefo de monaĥejo. Abatino. Ĉefino de monaĥinejo. | * **Abato** (K). Estro de monaĥejo titolata abatejo. |
| **Abatis'-o**? (Rh.) \| (milit.) ŝirmobaraĵo konsistanta el arboj dehakitaj. AF. \| *abatis.* | | | |
| **Abazi'o** (V.) \| (med.) nerva malsano, senpoveco marŝi. \| *abasie.* | **Abazio** (Med.) *abasie.* | | |
| **Abciso** (Rh.) (mat.) V. **absciso**. \| *abscisse.* | | | |
| **ABDIKI** (Vr.) \| demeti la reĝecon. AFHIR. \| *abdiquer.* | | **Abdiki.** Forlasi tronon kaj ĉiujn rajtojn al ĝi. Abdiko. Ago de tiu, kiu abdikas. | **Abdiki** (tr) **1** Forlasi la reĝecon. **2** Memvole forlasi ian altan oficon aŭ rangon. (Kp. EKSIĜI). |
| | **Abdikcio** (Med.) *abduction*, movo, laŭ kiu parto de la korpo estas malproksimigita de la korpa mezo (D.V.). | | |
| **Abdomen'o** \| (anat. med.) ventro, intestujo. AF. \| *abdomen.* | | | **abdomeno ♥**. Parto de la korpo, inter la torako k la pelvo, kiu entenas la intestojn. |
| **Abdukci'o** \| (med.) fortiro. \| *abduction.* | | | |
| **Abduktor'o** \| (anat.) fortiranta (muskolo, nervo). \| *abducteur.* | **Abduktoro** (Anat.) *abducteur*, muskolo, kiu efektivigas abdukcian movon (D.V.). | | |

| | | | |
|---|---|---|---|
| **ABEL'O** \| (entom.) – **aro, ejo, isto, ujo; laborabelo; abel-vakso; edukado de abeloj.** FHI. | **Abelo** (Entom.) *abeille*, (*Apis*), genro de Himenopteroj. *** Abel´aro = abel´esamo**, *essam d'abelles*. **Abel´ujo = abel´korbo**, *ruche*, loĝejo de abeloj. Abelujaro, *ru-cher*. **Abel´kulturo** (Zool.) *Apiculture*. **Abel´oidoj** (Entom.) *apiaires*, tribuso, kies tipo estas Abelo. | **Abelo** (Zool.). La konata insekto, pro-duktanta mielon kaj vakson (*Apis mellifica*) : *Laborema kiel abelo*. Abelejo. Domo de abeloj. | *** Abelo.** Insekto el fam. de himenop-teroj, kiu produktas mielon (*apis*). **~ ujo.** Korbo aŭ kesteto por loĝigi ~ ojn : *en ~ ujon ne blovu*[Z] (ne incitu koleremulon). **~ ejo.** Loko, kie ~ bredisto aranĝas ~ ujojn. |

Kion oni vidas en la tabelo?

En "Plena vortaro Esperanto=Esperanta" de Emile Boirac (la unua kolumno) estas uzataj signoj: † – Vorto, kiu ŝajnas nerekomendinda; mallongigoj: (Rh.) – Rhodes, Vortaro angla-esperanta; V., Vr.[?] – Verax, Teknika vortaro; AFGHIR – angla, franca, germana, hispana, itala, rusa – lingvoj, en kiuj la prezentata vorto havas komunan radikon. E.Boirac apogas sian vortaron sur naciaj leksikoj, donas tradukojn de ĉiuj vortoj al la franca, notas parencajn por la vorto lingvojn.

Charles Verax en la "Enciklopedia Vortareto Esperanta" ankaŭ donas francajn ekvivalentojn de Esperantaj vortoj, sed jam ne aludas al aliaj lingvoj. Kvazaŭ ŝerce la aŭtoro nomas sian verkon "Vortareto", kvankam en la prezentitaj fragmentoj la kolumno laŭ tiu vortaro estas la plej granda. Mallongigoj en la vortaro estas: (R.) – donita aŭ kontrolita de S[ro] Rollet de l'Isle; (D.V.) – ĉerpita en la Enciklopedia Vortaro (franca) de Dupiney et Vorrepierre.



*E.Grosjean-Maupin*

Unuavide ŝajnas, ke "Vortaro de Esperanto" de Kabe elfalas el la komuna vico: ĝi estas pli malgranda kaj pli simple konstruita ol aliaj prezentitaj. Kabe estis polo kaj ne apartenis al la franca leksikografia esperantista skolo, kiel rektoro de la Diĵona Universitato Boirac, fakulo pri terminaroj Verax aŭ profesoro Grosjean-



*Kabe (K.Bein)*



E.Boirac

Maupin. Liaj leksikografiaj scioj venis el la praktika sperto de pluraj tradukoj, la plej fama el kiuj estas “La Faraono” de Prus. Kabe en sia vortaro eble la unua en Esperanto ignoras apogon sur naciaj lingvoj, montrante, ke Esperanto fariĝis memstare evoluanta, sendependa de aliaj, lingvo. (Kompreneble, reciproka influo de ĉiuj lingvoj restas.) Plue, Kabe, denove eble unuafoje, donas ekzemplojn de jam enradikiĝintaj en la lingvo bonstilaj frazeologiaĵoj (*Laborema kiel abelo*) venantaj el praktika sperto. En la vortaro Kabe strebas al simpleco (NE primitiveco) de la klarigoj. Neniuj duboj, neniuj demandosignoj, neniuj apeloj al naciaj lingvoj. Krome, la vortaro de Kabe estis farita laŭ metodo, kiam ĉiuj vortoj de la sama radiko kun ekzemploj eniras en unu neston. La samajn principojn uzis E.Grosjean-Maupin en “Plena Vortaro de Esperanto”, kaj la samajn Kabe-principojn uzas la aŭtoroj de la plej novaj Esperanto-Esperantaj vortaroj.



Ch.Verax

De la vortaro de Boirac enradikiĝis en la titoloj de kelkaj postaj klarigaj vortaroj la vorto “plena”. Fakte Emile Boirac mem en la antaŭparolo notas, ke pli ĝusta estus la titolo *Provo de Plena Vortaro Esperanto-esperanta*, ĉar la aŭtoroj ne povas pretendi je plena priskribo de Esperantaj vortoj, “kies nombro ĉiutage pligrandiĝas”. Eble apero de tiu vorto en la titolo estis reklama artifiko de la profesia eldonejo *Hachette*, celanta pligrandigi la vendokvanton. Same la plej nova, do la plej plena “La nova Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto” ne estas envere “plena”. Ekzemple, ĝin ne eniris vortoj *braŭningo, kaprono, biatlono* kma, registritaj de diversaj aliaj vortaroj. En rekta senco de la vorto “plena”, plenaj vortaroj de iu ajn konstante evoluanta lingvo ne povas ekzisti. En Esperanto ekzistas nur unu ekzemplo de plena vortaro: La Unua Vortaro (el 917 radikoj) enirinta en la Unuan Libron de L.Zamenhof. La aŭtoro notis, kaj tio estis vero, ke “ĉion, kio estas skribita en la Internacia lingvo, oni povas kompreni helpe de tiu ĉi vortaro”. Sed baldaŭ, post apero de la unuaj adeptoj de la lingvo, frazo




la kovrilo de la vortaro de E.Boirac

"plena vortaro" perdis sian rektan sencon kaj akiris signifon "granda vortaro".

Tamen la unuan fojon la vorton "plena" en la titolo de sia vortaro uzis L.Zamenhof, eldonante en Varsovio en 1889 "Plenan vortaron rusa-internacian". En la antaŭparolo al la vortaro L.Zamenhof montras, kiun signifon li aplikas al tiu vorto. La vortaro estas plena, ĉar la aŭtoro provis kolekti ĉiujn vortojn (pasis apenaŭ du jaroj post la lingva apero), kiujn li mem kutime uzas en Esperanto. Kaj la vortaro pro tio restas nur helpa kaj nedeviga por esperantistoj diference de la malgranda vortaro de la Unua Libro, kiu devas resti senŝanĝa. Tial "plena" ĉe L.Zamenhof signifas granda kaj nedeviga. Tio, verŝajne, estis la unua kaj la lasta nacilingva-Esperanta vortaro nomita "plena". En 1909 aperas negranda dua parto Esperanta-rusa, en kies titolo la vorto "plena" restis nur en la rusa lingvo. Esperante sur la titolo estas skribite: Vortaro Esperanto-Rusa. Postaj aŭtoroj, jam de Esperanto-Esperantaj vortaroj, uzas tiun vorton daŭrigante la proponitan de L.Zamenhof tradicion. Iliaj vortaroj estas relative grandaj, nedevigaj, nur rekomendaj.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

## NOMOJ KAJ SORTOJ

**Júlia Sigmond.** ***Nomoj kaj sortoj.*** *– Cluj-Napoca: Exit, 2011 – 112 paĝoj. ISBN 978-606-92460-3-0*




La nomo de Júlia Sigmond estas jam konata en Esperanto-literaturo, ŝi kelkfoje laŭreatiĝis en Belartaj Konkursoj de UEA, ŝia unua novelaro aperis en 2001. Tial mi volonte prenis por recenzo ŝian novan libron, supozante verkon literature valoran aŭ almenaŭ plaĉe legeblan. Sed ve!

La nova libro, "Nomoj kaj sortoj", estas, laŭ priskribo en katalogo, "12 rakontoj inspiritaj de 12 homoj kaj ilia sorto". Do la rakontoj supozeble devus esti realecaj, kvankam dum la legado poiomete kreskas duboj...

Ĉiu rakonto priskribas sorton de unu homo, nepre kun multaj malfeliĉoj en la vivo. Foje la fino estas relative bona, pli ofte ne. Aperas knabino, junaĝe perfortita de duonpatro (Adela); facilanima aktorino, spertinta multajn am-aventurojn, kaj eĉ pli multajn suferojn (Linka); knabino forlasita tuj post la naskiĝo kaj post 20 jaroj retrovinta sian patrinon (Florika), ktp. Jen ankaŭ figuroj pli simplaj, sed ne malpli malfeliĉaj – psike malsana oldulo (Elmero), drinkema senhejmulo (Jozefo), subite mirakle resaniĝinta kancer-malsanulo (Kazimiro)... Senteblas, ke la aŭtorino ne bone konas virajn karakterojn (aŭ eble ne ŝatas virojn?), do la priskriboj de virinoj estas multe pli detal- kaj nuancoriĉaj.

Legi unu-du rakontojn eblas trankvile. Poste poiomete kreskas miro kaj agaco – ja ne povas en la reala vivo okazi tiom da malfeliĉoj al unu homo samtempe, tiom da strangaj koincidoj. Plurloke rolas denaske malsanaj infanoj – pli ofte ol ili

troveblas en realo. Ĉu "renoma dirigento", invitita el eksterlando, povas esti tute nekapabla gvidi orkestron (Georgo)? La rakonto "Marioara" komenciĝas per ŝablona legendo pri malnova kastelo, kie iam loĝis feliĉaj geamantoj, kaj same ŝablonaj vortoj pri mirakla kuracfonto. Sekvas "kortuŝa" (pli ĝuste – programite larmiga) historio pri virino (certe, malsana), ne scianta legi-skribi (en Eŭropo, dua duono de la 20-a jc – ĉu kredeble?) kaj eĉ uzi lifton, al kiu la aŭtorino bonkore helpas. Jen alia, sufiĉe banala historio pri tio, kiel la aŭtorino venis al Esperanto; plejparton de la rakonto konsistigas plenaj tekstoj de kelkaj senditaj kaj ricevitaj leteroj. Junulo (Peeter), suferanta pro multaj malsanoj kaj aliaj plagoj, same korŝire kaj plorige, sed tute malversimile, rakontas pri sia vivo. Ĉio estas miksita kun plumpa edifa filozofiumado; plian negativan impreson aldonas klarigoj, kvazaŭ prenitaj el elementa lernolibro, pri la vorto "scenlaboristo" (ĉu tio imageblas en letero al amiko?). Ĉion kronas trosentimentala simbola letero post multaj jaroj – al la delonge mortinta amiko. Komparo de kelkaj menciitaj datoj kaj eventoj klare indikas, ke la tuto estas plene elpensita, kaj la aŭtorino eĉ ne tre zorgis pri versimileco – do probable ankaŭ aliaj "sortoj" estas fikciaj...

Ie-tie aperas nekorektaj vortoj: "cinismo" (=cinikismo), "bazeno" (=baseno), "volumo" (laŭsence devas esti "laŭteco") k.a.; ofte lamas gramatiko: "ŝin kreskis ŝia onklino", "li ne nomis ilin laŭ ŝiaj veraj nomoj" (temas pri du virinoj), "li daŭris la hakadon", "Florika ... sukcese ekzamenis" (devas esti: ekzameniĝis), "la filon ŝi neniam amis, eble ĉar li tro similis al sia edzo" ktp.

Do – la libron eble ŝatus legi (nur unufoje) tiuj, kiuj kutimas larmeti pri fremdaj malfeliĉoj en senfinaj TV-filmserioj (ankaŭ tie ja ĉiuj "sortoj" estas elpensitaj). Literaturan valoron ĝi fakte ne havas, kaj evoluintan leganton ne kontentigos.

***Valentin Melnikov (Moskvo)***

## FILMO PRI LA POEZIO DE BALDUR RAGNARSSON

La Reta Kinejo de UEA pliriĉiĝis per la prelego de Mauro Nervi pri la poezio de Baldur Ragnarsson. La prelego de la prezidanto de la Akademio Literatura de Esperanto pri la Esperanta kandidato por la literatura Nobel-premio estis farita en la 33-a Malferma Tago de la CO de UEA la 27-an de novembro pasintjare.

La prelego, kun la titolo *Baldur Ragnarsson: poezio kiel sinesprimo kaj sindeteno*, estas filmita de Clay Magalhães kaj redaktita de Francisco L.Veuthey. La filmo daŭras 54 minutojn, sed en la Reta Kinejo ĝi estas dividita en kvar partojn:

1-a parto: <http://www.ipernity.com/doc/97850/10260469/>;

2-a parto: <http://www.ipernity.com/doc/97850/10260563/>;

3-a parto: <http://www.ipernity.com/doc/97850/10260678/>;

4-a parto: <http://www.ipernity.com/doc/97850/10260763/>;

Mauro Nervi prelegis en la sama aranĝo ankaŭ pri la Akademio Literatura de Esperanto. La registraĵo de tiu prelego estis publikigita jam pli frue. La kolekto de la Reta Kinejo konsistas jam el 55 filmoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***




**Andrej Grigorjevskij. Эсперанто: полное описание и учебный словарь** / Esperanto: plena priskribo kaj lerna vortaro – Moskvo: Impeto, 2011 – 32 paĝoj. ISBN 978-5-7161-0220-0

Kurta kurso de Esperanto. La aŭtoro en malmultaj paĝoj plentalente montras unikajn eblojn de Esperanto.

**Iosif Brodskij.** ***De nenie kun amo...*** *Elektitaj verkoj Dua eldono, korektita kaj kompletigita – Moskvo: Impeto, 2011 – 232 paĝoj, ilustrita. ISBN 978-5-7161-0223-1*




**Nikolao Gudskov.** ***Origino de la vivo sur la Tero –*** *Moskvo: Impeto, 2011 – 80 paĝoj, ilustrita. Scienca redaktoro prof. Amri Wandel (Universitato de Jerusalemo). Respondeca redaktoro Aleksandr Ŝevĉenko. ISBN 978-5-7161-0224-8*




La 4-a libro el la serio "Familia biblioteko".

**Mikaelo Bronŝtejn.** ***Mamutido Miĉjo.*** *Legolibro por komencantoj (3-a eldono) – Moskvo: Impeto, 2011 – 64 paĝoj, ilustrita. Pentristino Anna Striganova. Vortareto de Elena Ŝevĉenko. Respondeca redaktoro Aleksandr Ŝevĉenko. ISBN 978-5-7161-0225-5*

Originale verkita historio de mamutido Miĉjo, trovita en neĝa Antarktio kaj ekloĝinta en bonkora familio. Leksiko kaj gramatiko en




la libro poiome evoluas de la plej simplaj al pli kaj pli komplikaj frazoj. En la fino – Esperanto-rusa vortareto de la eltekstaj vortoj.







**Mikaelo Bronŝtejn.** ***Pri Dinjo, Diko kaj aliaj estaĵoj.*** *Instrua noveleto por la progresiga E-kurso – Moskvo: Impeto, 2011 – 64 paĝoj, ilustrita. Pentristino Anna Striganova. Respondeca redaktoro Elena Ŝevĉenko. ISBN 978-5-7161-0226-2*

Amuza fikcia noveleto pri aliplanedanoj Dinjo kaj Diko, pterodaktilido Pteĉjo kaj iliaj amikoj daŭrigas la historion pri mamutido Miĉjo por elementa kurso. Estas rekomendita por perfektiga E-kurso.

Mendi la librojn eblas ĉe <http://lernolibro.ru/>.

## REELDONO DE "MASKERADO" DE TIVADAR SOROS

La 12-an de aprilo 2011 okazis en Novjorko festo por lanĉi reeldonon de la anglalingva traduko de la Esperanto-verko de Tivadar Soros "Maskerado ĉirkaŭ la morto"[1]. La verko pritraktas la sukcesan transvivon de la familio Soros en Budapeŝto dum la sistema persekutado kaj mortigo de la hungaraj judoj fare de la nazioj en la finaj jaroj de la Dua Mondmilito.

La festo en la hejmo de la financisto George Soros, filo de Tivadar, kunvenigis grupon de elstaraj intelektuloj de la regiono, inter ili la ĉefredaktoro de *New York Review of Books*, reprezentantoj de *New York Times*, pluraj verkistoj, kaj la konata televida komentariisto Bill Moyers. Ĉeestis ankaŭ fakuloj pri Esperanto kaj interlingvistiko Esther Schor kaj Arika Okrent.

La ĉefa parolanto estis Humphrey Tonkin, kiu, en sia rolo kiel tradukinto, havis la taskon prezenti la libron kaj paroli pri ĝia ekesto. Tion farante, li kaptis la okazon, antaŭ atenta aŭskultantaro, paroli pri Esperanto kaj ĝia formiĝa rolo en la vivo kaj pensado ne nur de la patro sed ankaŭ de la filoj Soros.

[1] Tivadar Soros. *Masquerade: The Incredible True Story of How George Soros' Father Outsmarted the Gestapo*. New York: Arcade Publishing. 2011. 275 p.

La libro aperis originale en Esperanto en 1965 kaj en la dua eldono en 2000 – la jaro de aperigo (en Britio) de la anglalingva traduko de Humphrey Tonkin. Poste aperis tradukoj ankaŭ en la germanan, rusan, hungaran kaj turkan, kaj estas en preparo tradukoj en la italan kaj la ĉinan. Usona eldono aperis en 2001; tiun eldonon oni nun ree aperigas en Novjorko ĉe la eldona grupo Skyhorse. George Soros estis surpriza vizitanto en decembro en lanĉa festo de traduko de alia libro de la patro, "Modernaj Robinzonoj", ankaŭ tradukita de Tonkin[1] (kiel "Crusoes in Siberia"). Tiun feston organizis la grupo Esperanto por UN.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## STANO MARČEK PLU REDAKTOS

Pasintjare la Estraro de UEA daŭrigis la kontrakton kun Stano Marček pri redaktado de la revuo *Esperanto* ĝis la julia-aŭgusta numero 2011. La celo estis, ke ekde la septembra numero la nuna redaktoro daŭrigu sian laboron sub nova kontrakto. Tamen ĵus la Estraro decidis daŭrigi la validecon de la nuna kontrakto, farita en 2003, ĝis la fino de la jarkolekto 2011.

La Estraro antaŭvidas proponi novan kontrakton al Marček post la Universala Kongreso en Kopenhago, kie oni verŝajne akceptos novan dokumenton pri la gvidlinioj por la redaktado de la oficiala organo de la Asocio. Ĝia definitivigo dependas de la difino de la ĝenerala komunika politiko de UEA, pri kiu nun diskutas la Komisiono pri Strategiaj Demandoj. La komisiono estis elektita pasintjare en Havano kaj laboras sub la gvido de Mark Fettes. En ĝi aperis interalie la ideo, ke la revuo havu plurajn volontulajn redaktorojn pri diversaj sektoroj de la movado sub la kunordigo de la ĉefa redaktoro. Ĉar mankas ankoraŭ klareco pri tiu kaj aliaj aspektoj de la redaktado, la Estraro decidis, ke la nuna redaktoro laboros laŭ la malnovaj kondiĉoj ĝis la lasta numero de la jarkolekto 2011.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

---

En la rusia militakademio oni prelegas pri la temo "Strategiaj problemoj de la Tria mondmilito". Fine la generalo-preleganto petas demandojn.
Unu oficiro demandas: "Se okazos la Tria mondmilito, kiu estos nia plej verŝajna malamiko?"
La generalo: "Plej verŝajne tio estos Ĉinio."
Ĉiuj aŭskultantoj estas ŝokitaj: "Kion do ni faru? Ĉinio havas 1500 milionojn da loĝantoj, sed Rusio nur 140!"
La generalo: "En la milito gravas ne kvanto, sed kvalito. Vidu jen: 5 milionoj da judoj sukcese kontraŭstaras 50 milionojn da araboj."
La oficiro, post iom da medito, demandas: "Tamen, ĉu ni havas sufiĉan kvanton da judoj?"

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

---

[1] Tivadar Soros. *Crusoes in Siberia and The Fairest Judgment*. New York: Mondial. 2010. 31+93 p.



# Vitalij Bianki

## *BANADO DE URSIDOJ*

Nia konata ĉasisto iris laŭ bordo de arbara rivero kaj subite aŭdis laŭtan krakadon de branĉoj. Li ektimis kaj grimpis sur la arbon.

El la densejo eliris sur la bordon granda bruna ursino kaj du gajaj ursidoj. La ursino kaptis unu ursidon per la dentoj je la kolhaŭto kaj komencis enprofundigi ĝin en la riveron.

La ursido akre kriis kaj baraktis, sed la patrino liberigis ĝin, nur bonege tralavinte ĝin en la rivero.

La alia ursido ektimis malvarman banejon kaj ekkuris en la arbaron.

La patrino atingis kaj batadis ĝin, kaj poste enakvigis ĝin kiel la unuan ursidon.

Estante denove sur la tero, ambaŭ ursidoj restis tre kontentaj pri la banado: la tago estis varmega, kaj al ili estis varmege en la densaj, hirtaj peltoj. La akvo bone freŝigis ilin. Post la banado la ursoj denove malaperis en la arbaron, kaj la ĉasisto malsuprengrimpis de sur la arbo kaj iris hejmen.

***tradukis Larisa Kuzjmenko (Niĵnij Tagil)***

## *KIES PIEDOJ?*

Alaŭdo flugis alte super la tero, sub nuboj mem. Ĝi ĵetas rigardon suben – ja desupre ĝi povas vidi malproksimen – kaj kantas:

Mi flugadas sub nubaro,
Super kamp' kaj herba maro,
Ĉiujn vidas en la sub'
Mi sub sun', kaj lun, kaj nub'.

Ĝi laciĝis kanti, subeniĝis kaj eksidis por ripozi sur holmeton.

El sub arbo elrampis Koronelo kaj diras al Alaŭdo:

– Desupre vi vidas ĉion, tio veras. Tamen desube vi rekonos neniun.

– Kiel do? – ekmiris Alaŭdo. – Nepre mi rekonos.

– Jen kuŝiĝu do apud mi. Mi desube montros ĉiujn al vi, kaj vi divenu, kiu iras.

– Jen ruzulo! – diras Alaŭdo.– Mi venos al vi, kaj vi pikos min. Serpentojn mi timas.

– Evidentas do, ke vi scias nenion teran, – diris Koronelo. – Unue, mi estas ne serpento, sed simple lacerto; kaj due, serpentoj ne pikas, sed mordas. Ilin ankaŭ mi timas: iliaj dentoj estas tiel longaj kaj enhavas venenon. Sed la miaj – rigardu vi! – estas etetaj. Per ili mi eĉ kontraŭ vi ne defendos min, kio do pri serpento...

– Kie do estas viaj piedoj, se vi estas lacerto?

– Por kio mi bezonas piedojn, se mi rampas sur la tero ne pli malbone ol serpento?

– Nu, se vi vere estas lacerto senpieda,– diris Alaŭdo,– mi havas nenion por timi.

Ĝi saltis de sur la holmeto, subfleksis la piedetojn kaj kuŝiĝis apud Koronelo.

Jen ili kuŝas apude. Kaj Koronelo demandas:

– Ek do, suprulo, rekonu, kiu iras kaj por kio tiu venis ĉi tien.

Alaŭdo rigardis antaŭ sin kaj eksvenemis: altegaj piedoj iras-paŝas trans grandajn holmetojn kvazaŭ trans terbuletojn, premlasas per la fingroj siajn spurojn en la tero.

La piedoj transpaŝis Alaŭdon kaj malaperis – ne plu videblaj.

Koronelo rigardis al Alaŭdo, ridetis tutbuŝe kaj, prilekinte per la streta langeto la sekajn lipojn, diris:

– Nu, amiko, vi ne solvis do mian enigmon. Se vi scius, kiu transpaŝis nin, vi ne ektimus. Jen mi kuŝos kaj rezonos: du altaj piedoj, ĉiu kun tri grandaj fingroj kaj unu malgranda. Kaj mi jam scias: iras birdo granda, alta, ĝi ŝatas promeni sur la tero – ĝiaj piedoj-stilzoj bone taŭgas por irado, ĝuste tiel – Gruo ĝi estis.




Kaj Alaŭdo ekviglis pro ĝojo: Gruon ĝi konis: la birdo kvieta, bonkora – tiu ne ofendos.

– Kuŝu, ne tumultu! – eksiblis Koronelo. – Rigardu, novaj piedoj iras.

Jes, ĝuste: nudaj piedoj lampaŝis laŭ la tero – nekonate kies. La fingroj kvazaŭ borderitaj per laktolaj pecoj.

– Divenu! – diras Koronelo.

Alaŭdo pensis-pensadis – neniel ĝi rememoras vidi tiajn piedojn pli frue.

– Ej vi! – ekridis Koronelo. – Ja tion diveni estas ege simple. Vidu: la fingroj larĝaj, la piedoj plataj, iras ili laŭ la tero kaj stumblas. En akvo ili tamen oportunas: turnu piedon flanken – ĝi kvazaŭ tranĉas akvon; disigu fingrojn – remilo pretas. Ĝi estas Grebo-plonĝulo – akva birdo, ĝi el lago eliĝis.

Subite de sur arbo falis nigra hararbulo, leviĝetis sur tero kaj ekrampis per la kubutoj.

Alaŭdo fiksrigardis – tute ne kubutoj, sed refalditaj flugiloj.

La bulo turniĝis flanken – malantaŭe la kroĉiĝemaj bestaj piedetoj kaj vosto, inter la vosto kaj la piedetoj la streĉita haŭto.

– Jen mirigaĵo! – diris Alaŭdo. – Ŝajnas esti flugilhavulo, kiel ankaŭ mi, sed sur la tero neniel mi povas rekoni ĝin.

– Aha! – ekĝojis Koronelo. – Vi ne povas rekoni. Vi fanfaronis koni ĉiujn sub la luno, sed ja Vesperton vi ne rekonis.

Vesperto surholmetiĝis, disetendis la flugilojn kaj forflugis sur sian arbon.

Kaj el sub la tero jam aliaj piedoj eliĝas.

Timigaj piedoj: kurtaj, vilaj, malakraj ungoj sur fingroj, malmolaj polmetoj, elturnitaj diversflanken.

Alaŭdo ektremetis, kaj Koronelo diras:

– Mi kuŝas, rigardas kaj rezonas: la piedoj hararkovritaj – do la bestaj: kurtaj, kiel stumpoj, la polmetoj disen kaj ungegoj sur la dikaj fingroj. Per tiaj piedoj malfacilas paŝi sur la tero. Sed vivi sub la tero, fosi la teron per piedoj kaj ĵeti ĝin malantaŭen tre oportunas. Rezultas do – la besto estas subtera. Talpo nomatas. Rigardu, rigardu, ĝi ja denove subteriĝos.

Talpo enfosiĝis en la teron – kaj ree neniu.

Apenaŭ elembarasiĝinte, Alaŭdo vidas: brakoj kuras sur la tero.

– Kio estas tiu akrobato? – ekmiris Alaŭdo. – Por kio ĝi bezonas kvar brakojn?

– Por salti laŭ branĉoj en arbaro, – diris Koronelo. – Sciuro ja estas.

– Nu, – diras Alaŭdo, – via gajno: neniun sur la tero mi rekonis. Nun estu mi por doni al vi enigmon.

– Donu, – diras Koronelo.

– Ĉu vi vidas la malhelan punkton en la ĉielo?

– Mi vidas, – jesas Koronelo.

– Divenu, kiajn piedojn ĝi havas?

– Vi ja ŝercas! Kiel mi distingu piedojn tiel alte?

– Kiaj ŝercoj! – ekkoleris Alaŭdo. – Tuj savu bonkore-difavore vian voston dum tiuj krifozaj piedoj ne kaptaĉis vin.

Alaŭdo adiaŭe kapsalutis Koronelon, saltleviĝis kaj forflugis.

***esperantigis Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

# *EL NOTLIBRETO*

Kion infanan oni devas konservi en la animo de plenaĝulo?

Vaste malfermitajn al la mondo okulojn.
Simplanimon infanan.
Ardan pri ĉio kompatemon.
Purecon de intencoj.
Revon.
Konfidemon.
Mondpercepton poetan: la vivo estas fabelo.
Ĝuon de pioniro monda.
Admiron pri l' mondo senliman.
Bonkorecon infanan.

***esperantigis Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## RET-2011: NOVAJ INFORMOJ

Jam ĉirkaŭ 60 personoj aliĝis al RET-2011 (Rusiaj Esperanto-Tagoj), kiu okazos de la 8-a ĝis la 18-a de aŭgusto apud la urbo Gelenĝik ĉe la bordo de Nigra maro. La liston de aliĝintoj kaj aliajn bezonatajn informojn eblas trovi ĉe la adreso <http://www.reu.ru/kalendaro/eo/RET-2011>. Sube vi povas trovi lastatempajn novaĵojn pri la aranĝo.

***LOĜADO KAJ MANĜADO***

La bazejo "Kristall" troviĝas en bela parko tuj apud la mara plaĝo. Laŭ interkonsento kun ties estraro estas ebleco aliĝi kaj antaŭpagi por rezervi loĝadon ĝis la fino de junio. La bazejo permesas nur loĝi tie, sed manĝi memstare, aŭ pagi por 1-2 manĝoj tage, laŭ via prefero. Laŭ tiu nova interkonsento ekde nun la 3-foja manĝado kostas 450 rub. kaj unu tagnokta loĝado en 2-3-litaj ĉambroj de la somerdomoj kostas ankaŭ 450 rub. (anstataŭ 500). Pro tio novaj aliĝantoj povas sendi la antaŭpagojn ne po 900, sed po 450 rub., se oni deziras nur rezervi loĝlokojn kaj decidi pri la nutrado surloke.



***KONSILO***

Por ricevi laŭeblan helpon kaj klarigojn nepre informu la organizantojn pri via alveno: kiam vi venos, per kiu transportilo. Preferinde telefonu/mesaĝu al jenaj telefonnumeroj de Anatolij Ivasenkokelkajn tagojn antaŭ la alveno: +7-918-1704520; +7-929-8334390.

***ATINGADO***

Se vi veturos per trajno ĝis Novorossijsk, vi povos ĝui dumvoje vidaĵojn de du golfoj, admiri pitoreskan marbordon. Tamen tiu vojo estas iom pli laciga, ĉar de Novorossijsk al Betta trafikas nur unu buso (je la 10.30), kaj necesas veturi per trolebuso de la fervoja stacio al la busa.

Se iri per buso al Gelenĝik, ĉe la alveno oni trafas la "novan" busejon, sed por veturi al Betta aŭ Pŝada (Пшада), necesas iri al la "malnova" busa stacio.

Relative pli oportuna ŝajnas la vojo tra Krasnodar: venante tien per aviadilo, trajno aŭ buso, apud la ĉefa stacidomo oni trovas la centran busstacion, de kiu somere trafikas 4-5 busoj tage rekte al Betta. Krome eblas uzi busojn, kiuj iras de Krasnodar ĝis Gelenĝik tra Arĥipo-Osipovka kaj Pŝada. Tiukaze necesas veturi ĝis la vilaĝo Pŝada, de kie oni povas facile atingi Betta (distanco 14 km) per loka buseto, kiu veturas preskaŭ ĉiuhore, aŭ taksio.

En Betta petu la stiriston haltigi la buson apud la bazejo ("пансионат") "Kristall" (por poste ne retroiri 800 m de la fina haltejo).

Elektu la plej oportunan vojon, telefonu por peti klarigojn kaj helpon, venu!

***La Organiza teamo***



## *Maro en Betta: invito al RET-2011*

***(hajkoj)***

Gardas la kabo
golfon de Betta ĉarma,
arboj susuras.

Frua mateno…
Glata mara surfaco.
Suno leviĝas.

Ŝaŭmas la maro.
Ondoj batas al bordo,
Gutoj ekflirtas.



Arboj kliniĝas
al  la maro karesa –
bela aspekto!

Gutoj brilantaj
al alteco flugadas,
kaptitaj sune.

Krias la mevoj,
brilas la suno por mi…
Ĉu mi revenos?

***Tatjana Ilutkina (Dimitrovgrad), Margarita Karceva (Uljanovsk)***

---

## NOVA TTT-EJO

Mi kreis novan ruslingvan ttt-ejon pri Esperanto <http://esperanto.far.ru>. Ĝi povas esti utila por reklamo de Esperanto. Mi disvastigas adreson de la retpaĝaro diversmaniere, plej ofte per interretaj rimedoj. Esperantistoj, kiuj deziras, strebas disvastigi Esperanton, bonvolu montri la retpaĝaron al ĉiuj laŭ viaj ebloj. Bonvolu peti min (mia adreso estas <krajuhin@yandex.ru>) meti en la retpaĝaron viajn kontaktadresojn.

***Sergej Krajuĥin (Sankt-Peterburg)***



